

KONGRESA KURIERO DE LA 96-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

# VIKINGA VOĈO

Sabato/Dimanĉo, 23-24 julio 2011 N-ro 1

## Nacia Vespero komenciĝos je 19h30!

Kvankam la Kongresa Libro ĝuste informas sur paĝo 64 pri la horoj de la Nacia Vespero, la listoj kaj tabelo montras ke ĝi komenciĝos je 20h00. **Atentu: estos duonan horon pli frue!**

## Kiu estos la 500-a KER-kandidato?

Ĉu dum la kongreso ni ekhavos la 500-an kandidaton por la KER-ekzamenoj? Se jes, ni faros lotumadon el inter la dumkongresaj kandidatoj kaj la bonŝanculo, kies nomon oni lotumos, rericevos sian ekzamenkotizon.

La ĝis nun ekzameniĝintaj 454 personoj venis el 40 landoj. La plimulto de la kandidatoj (126) estas brazilanoj, kiujn en la vico sekvas francoj (88).

**La skriba ekzameno okazos vendredon, la 29-an de julio, ekde la 11-a horo**.

Por la 20-minutaj parolaj partoj estas multaj ebloj, necesas akordiĝi kun la komisiono pri horo kaj tago.

**La lasta aliĝeblo estas ĵaŭdon je la 16-a horo.**

Por orientiĝi pri la ekzamenoj nepre ĉeestu la preparprelegon de Katalin Kováts, ĵaŭdon matene en la meznivelula grupo dum la paroligaj kursoj de edukado.net (http://edukado.net), aŭ serĉu informojn pri la ekzamenoj ĉe la retejo, dum la Movada Foiro, aŭ ĉe la ekzamensekretario apud la kongresa kaso.

Se vi volas ekzameniĝi kaj povas tuj aliĝi rete, bv. iri al la retejo (adreso supre) kaj klaku sinsekve sur "Ekzamenoj", "UEA/KER", "Sesioj kaj aliĝilo", kaj "Kopenhago - Danio".

**Katalin Kováts, KN 942**

## Esperanto kaj indiĝenaj popoloj

Esperantistoj interesiĝas pri ĉiuj situacioj en kiuj malfortaj grupoj devas elteni la premojn de fortaj grupoj cele al asimiliĝo, aŭ almenaŭ al uzado de la lingvo de la forta grupo kaj rezigno pri la propra lingvo.

Pro la sama kialo, pro kiu gravas savi ĉiujn lingvojn kaj ĉiujn kulturojn, gravas savi indiĝenajn lingvojn kaj kulturojn. Indiĝenaj lingvoj estas la veturilo de indiĝenaj kulturoj kaj de grup-identeco. Kiam ĉiuj indiĝenaj grupoj estos malaperintaj, ni ĉiuj estos pli solaj kaj malpli riĉaj. Sen kultura diverseco la restanta unu-kulturo estus destinita ne plu evolui, ĉar ne estas iu alia, kun kiu kompari sin. Kie prezentiĝas favoraj kondiĉoj ni provas informi indiĝenojn pri iliaj lingvaj rajtoj, pri la eblo konservi sian lingvon, kaj pri la ebloj utiligi Esperanton por ekligi kontaktojn kun aliaj indiĝenaj komunumoj en aliaj mondopartoj.

Venu al la kunsido pri indiĝenaj popoloj, dimanĉon 13h00-13h45 en salono Kehlet.

**Renato Corsetti, KN 1027**

## Lapenna al Zamenhof

La jenaj artaj eventoj estas translokitaj de salono Lapenna apuden al salono Zamenhof:

Dimanĉo: Kajto, 15h00-16h30;
Lundo: Ĵomart kaj Natasha, 16h30-18h0;
Mardo: Solotronik, 11h30-12h30;
Mardo: Espo-Despo, 17h00-18h00;
Ĵaŭdo: Reverie, 15h00-16h00;
Ĵaŭdo: Filmo *La Universala Lingvo*, 17h15-18h00;
Vendredo: Filmo *La Universala Lingvo*, 12h00-12h45;
Vendredo: Internacia Koruso, 14h00-15h00.

## Dana Prelego

La prelego "Portreto de Hans Christian Andersen" (vidu Kongresan Libron p. 42) daŭre okazos dimanĉon je 16h30 en salono Neergaard, sed prelegos Ole Therkelsen anstataŭ Birthe Trærup.

## Vegetarana ekskurso en merkredo

Dum la merkreda ekskursa tago okazos ekskurso organizita de TEVA, Tutmonda Esperantista Vegetarana Asocio. Ni vizitos naturrezervejon kaj la urboparton Christiania. Post la ekskurso ni kune vespermanĝos en Christiania, sed eblas partopreni la ekskurson kaj la manĝon aparte. Bonvenas ne nur membroj de TEVA kaj aliaj esperantistaj vegetaranoj, sed ankaŭ ne-vegetaranoj. Lasta okazo aliĝi kaj pagi la kotizon estas dum la Movada Foiro. Ne maltrafu la okazon!

**Heidi Goes, ĝenerala sekretario de TEVA**

# Kleriga Lundo

*lundon, la 25-an de julio 2011*

## UNUA BLOKO: 09h00-10h30

### Kiel disvastigi Esperanton elektronike

Peter Baláž, Marek Blahuš, Jevgenij Gaus

Ĉu ni bone kaj plene eluzas nunajn eblojn por disvastigi Esperanton? Ĉu eblas fari pli? Ĉu estas Interreto (plej) taŭga medio, por sciigi tutan mondon pri Esperanto?

Malkovru aktive kun ni diversajn taŭgajn ilojn kaj irindajn vojojn, por ke Esperanto estu pli videbla kaj pli konata fenomeno. Nian atenton ni dediĉos al Interreto ĝenerale, sed ankaŭ al unuopaj atentindaj projektoj: Vikipedio, lernu.net, Facebook, Twitter, Ipernity ktp.

***09h00-10h30, Canuto***

### Esperanto: ĉu Fundamenta, postFundamenta aŭ preterFundamenta?

Renato Corsetti, Gerrit Berveling, Otto Prytz

Parto A

1 – prezento de Renato Corsetti, favora al la Fundamento

2 – prezento de Gerrit Berveling, favora al la evoluo de la lingvo laŭ la uzado

3 – prezento de Otto Prytz, prezidanto de la afero, favora al la ora mezo

Parto B

La publiko devas surloke plenskribi demandaron (kiun ni kunportos), por mezuri sian gradon de subteno al la tri pozicioj. Poste okazos publika "korektado" de la formularo, kaj ĉiu povos kalkuli siajn finajn poentojn.

Poste la publiko rajtos demandi pri la temo de la kunveno kaj la podianoj respondos.

***09h00-10h30, Friis***

### Enkonduko al UN kaj la UN-familio

Humphrey Tonkin, Stefano Keller

"UN devus uzi Esperanton!" Ofte oni aŭdas tiun deklaron inter esperantistoj. Sed kion la esperantistoj fakte scias pri UN, ĝia strukturo, ĝia laboro, kaj la punktoj kie ĝi estas tuŝebla de la publika opinio? Tiu ĉi seminario celos doni superrigardon pri Unuiĝintaj Nacioj kaj ĝiaj fakaj instancoj. Se ni ne konas UN, kiel UN konu nin?

***09h00-10h30, Kehlet***

### Kulturaj valoroj kaj komunikado en internacia kunteksto

Kristin Tytgat

Esperantistoj havas komunan lingvon sed ne komunan referenckadron por bone kaj klare komuniki. Dum la UK en Bjalistoko ni jam precizigis la normojn kaj valorojn de socio kaj pritraktis la kondiĉojn por bona komunikado. En Kopenhago ni daŭrigos tiun temon.

Kiuspecaj kulturoj ekzistas kaj kiel ni povas karakterizi ilin? Kiumaniere komunikado funkcias inter tiuj kulturgrupoj? Kiel ni povas entute konsciiĝi pri kulturaj diferencoj? Kiujn kapablojn ni bezonas por efike komuniki en internacia medio por ke la mesaĝo estu bone kaj klare komprenata?

En la Esperanto-movado ni kunlaboras kun esperantistoj el la tuta mondo. Kiuj estas la kondiĉoj por sukcesplena internacia kunlaborado? Dum la sesio ni provos pritrakti tiujn ĉi demandojn.

***09h00-10h30, Zacho***

### Funkciigi interkulturan centron

Zsófia Kóródy, Peter Zilvar, Lee Jung Kee

Pli ol biblioteko, muzeo: lingva, faka kaj organiza klerigejo, staĝejo; la rolo de Interkultura Centro en Herzberg – la Esperanto-urbo. Raraĵoj, interesaĵoj, prezentado de kolektaĵoj, fotoj, filmoj. Kvinjara jubileo, historio kaj estonto, realigendaj planoj.

Diskuttemo: kiel estri tutjare funkciantan Esperanto-centron, kiel servi la Esperanto-movadon per variaj ofertoj?

***09h00-10h30, Noll***

## DUA BLOKO: 10h45-12h15

### Poŝtelefonoj, tabulkomputiloj kaj Esperanto – novaj evoluoj

Jacob Nordfalk

La plurfunkciaj poŝtelefonoj kiel iPhone kaj Google Android evoluas per freneza rapideco. Lastatempe tabulkomputiloj kiel Apple iPad furoris en la merkato kaj ŝanĝis la manieron kiel multaj uzas komputilojn kaj la reton.

Esperanto ĝenerale ne estas subtenata – nek la supersignitaj literoj nek Esperanta SMS-vortaro haveblas. Sed novaj evoluoj ŝanĝas tion: en androjdaj telefonoj kaj tabulkomputiloj haveblas kaj E-literoj kaj E-vortaroj – kaj eĉ Esperanta parolsintezo.

Estos prezentitaj la tendencoj de la telefona merkato, la eblecoj de la plurfunkciaj poŝtelefonoj kaj tabulkomputiloj, kaj la malfermfonta projekto Google Android. Vi provos mem praktike uzi Esperanton en androjdaj telefonoj kaj tabulkomputiloj. Poste ni cerbumos pri estontaj ebloj kaj ideoj por Esperanto en la telefono.

Projekto-paĝo: http://code.google.com/p/esperanto-telefono.

***10h45-12h15, Canuto***

### Vikipedio: 10 jaroj, kaj poste?

Marek Blahuš

Vikipedio, la libera enciklopedio, estas hodiaŭ unu el la plej vizitataj retpaĝaroj en la mondo, kaj ĝia Esperanto-versio kun 150 000 artikoloj estas tre grava atingaĵo de la Esperanto-movado. Tamen ankoraŭ ne ĉiu esperantisto profitas la ŝancon kontribui al tiu komuna projekto, kunkreata de volontuloj el la tuta mondo. En la prelego ni konatiĝos kun la redaktaj principoj de la enciklopedio kaj ekkonos

kelkajn interesajn perspektivojn de ĝi. Tion sekvos praktika parto, en kiu ni klopodos komune trovi kaj venki malhelpojn spertatajn de la vikipediaj uzantoj kaj redaktantoj.

*10h45-12h15, Friis*

### Kiel utiligi la Delegitan Reton

HORI Jasuo

Kio distingas Esperanton de aliaj lingvoj? Tio estas la Delegita Reto, kiu enhavas nomojn en pli ol cent landoj. Neniu alia lingvo, eĉ la angla, havas tian servon. Dank' al tiu mondvasteco, Esperanto povas utili pli ol la angla, eĉ se esperantistoj malmulte uzas tiun servon. Utiligo de la Delegita Reto plifortigas nian movadon kaj samtempe montras al la ekstera mondo la utilecon kaj mirindecon de nia lingvo. HORI Jasuo prezentos siajn spertojn kaj koncertos per muzikiloj kolektitaj pere de la Delegita Reto.

*10h45-12h15, Kehlet*

### Tradukado en multlingvaj medioj

Brian Moon

Ĉar ni ne uzas nian lingvon en glora izoliĝo disde la cetera mondo, ĉiu uzanto de Esperanto pli-malpli ofte konfrontiĝas kun problemoj de tradukado inter Esperanto kaj naciaj lingvoj. Por reliefigi la interlingvajn problemojn el iom alia perspektivo, mi proponas konsideri la situacion en multlingvaj organizaĵoj kiel Eŭropa Unio.

Sur bazo de praktika tradukado de specimena teksto jam ekzistanta en diversaj lingvoj, ni iom esploros la avantaĝojn kaj la problemojn de Esperanto en tiu ĉi kampo.

*10h45-12h15, Zacho*

### Interkulturo: kiel estimi kaj kritiki inter junuloj kaj postjunuloj

Elisabeth Schwarzer

Jen private jen asocie ofte estas okazo senti kontentecon, ĝuon aŭ malon en interago. Eble jam okazis al vi ke vi ne bone povis kompreni kion la alia (eble de tute alia aĝogrupo) volis esprimi. Jen unika okazo aktivi kaj paroli tiuteme laŭ la dialoga metodo de David Bohm.

Aktiva seminarieto por maks. 20 homoj de ĉ. 14 ĝis senlima aĝo; ankaŭ interesitaj post-junuloj tre bonvenaj!

*10h45-12h15, Noll*

## TRIA BLOKO 12h30-14h00

### Dua Vivo

Anna Löwenstein

Imagu Esperanto-grupon, kiun vi povus viziti en iu ajn horo kaj tie renkonti esperantistojn el la plej diversaj mondopartoj. Tia grupo jam ekzistas en la virtuala mondo Dua Vivo (Second Life). Dum la kunveno de Kleriga Lundo ni vizitos Esperanto-landon, la esperantistan terenon en Dua Vivo, kie troviĝas kursejo, biblioteko, dancejo kaj babilejo, bele lokitaj inter maro kaj montoj. Tie ni ankaŭ renkontos kelkajn aktivulojn, kiuj bedaŭrinde ne povis veni al Kopenhago, sed sidos ĉe siaj komputiloj diversloke tra la mondo por saluti vin virtuale en Dua Vivo.

*12h30-14h00, Canuto*

### Internaciaj projektoj kaj subvenciebloj

Zsófia Kóródy, Peter Zilvar

Internaciaj projektoj, subvenciebloj, kunlaboro kadre de la eŭropa programo "Dumviva Lernado". Prezentado pri la sukcesaj Comenius-, Erasmus- kaj Grundtvig-projektoj. Spertinterŝanĝo, kunveno por projektontoj, praktikaj konsiloj, helpo al kunlaboremuloj, konkreta planado por ellaboro de internaciaj projektoj.

*12h30-14h00, Friis*

### Kiel verki por la verda gazetaro

Paul Gubbins

Vi ĉeestis kongreson aŭ alian Esperantan eventon. Vi volas priraporti ĝin en via regiona aŭ nacia bulteno. Sed kie kaj kiel komenci? Kiel krei informoriĉan artikolon, kiu kaptos kaj retenos la intereson de leganto? Alivorte, kio distingas raporton nur legindan de raporto tute legenda? Paul Gubbins, ĉefredaktoro de *Monato*, gvidas praktikan verkado-sesion, dum kiu partoprenantoj trovos respondojn al tiuj ĉi demandoj kaj mem verkos propran raporton.

*12h30-14h00, Kehlet*

### La Ludo de la Nuda Vero: pensi kaj paroli en Esperanto

Marlijne Hemelaaar, Ana Montesinos

Lernantoj kaj progresantaj uzantoj de Esperanto ĉiam serĉas novajn eblojn por ekzerci la lingvon. En ĉi tiu seminario oni povas praktiki ludon tradukitan el la nederlanda. Ĝi konsistas el okdek personaj kaj filozofaj temoj por inciteti unu la alian kaj provoki al pensado. Uzu demandkartojn kaj respondkartojn por ekkoni unu la alian kaj vin mem, por pliprecizigi aŭ eble ŝanĝi opiniojn. Kion la alia diros? Kaj kiel vi mem respondas al demandoj kiel ekzemple: Ĉu vi estus iĝinta alia homo se vi naskiĝus en tute alia regiono? Ĉu vi opinias ke estus bone por la mondo se ĉiuj samopinius? Ĉu vi ne ŝatas dubi?

La ludo taŭgas por klubkunvenoj, lingvokursoj, konversacirondoj ktp. Ludu kaj lernu!

*12h30-14h00, Zacho*

### Model-postula rezonado per "klakiloj" aktivigas lernadon

Steven D. Brewer

La uzo de problemoj kiuj postulas studentan rezonadon per modeloj dum klerigado tranformas la sperton de studentoj. Antaŭ dek jaroj ni adoptis elektronikan sistemon – la tielnomatajn "klakilojn" – por faciligi la uzon de demandoj dum instruado kaj komencis esplori kiel uzi ilin por engaĝi la studentojn en kaj malgrandgrupajn kaj tutklasajn diskutojn pri problemoj. Ekde tiam, ni multe lernas pri la specoj de problemoj kiuj plej bone kondukas al studenta scio-kreado. Ni superrigardos la klerigajn rezultojn de tiaj instru-sistemoj kaj vidos (1) kiel krei subtenan medion por problem-trakta instruado, (2) kiel verki efikajn problemojn kiuj postulas rezonadon kaj ne nur simplan memoron, kaj (3) kiel faciligi kaj direkti la studentajn respondojn en malgrandaj grupoj kaj tutklasaj diskutoj. Partoprenantoj laboros are por konstrui problemojn, poste esploros kaj kritikos la konstruitajn problemojn.

*12h30-14h00, Noll*

# Aŭtoraj Duonhoroj

## Carlo Minnaja



Carlo Minnaja, italo, (n. 1940), e-isto denaske, aktiva junaĝe en kongresoj, nun preskaŭ nur de la skribotablo. Iam matematikisto, nun historiisto. Lastatempaĵoj: tradukoj de *La princo* de Machiavelli (2006); *Vivo agaca* (2008), *Kiel fariĝi intelektulo* (2010), *La integriĝo* (kuntraduko, 2011), ĉiuj de Bianciardi, aŭtoro preskaŭ nekonata ekster Italio; *Mafio klarigata al turistoj* (kuntraduko, 2011); *Matematika reta vortaro* (kunverko, 2008); originalaĵoj itallingve: *L'esperanto in Italia* (2007), *Antologia di L.L. Zamenhof* (2009). Artikoloj, eseoj, recenzoj, kunlaboroj diversloke; planoj: multaj; realigoj, kiom eblos...

*Lundo 14h00-14h30*

## Alicja Lewanderska



Multjara aktivulo ĉe la Akademio Internacia de la Sciencoj (AIS), Alicja Lewanderska-Quednau prezentos la libron *Eŭrologio: por komuna Eŭropo* okaze de 25-a datreveno de AIS. En ĝi estas kolekto de prelegoj pri Eŭropa Unio, kiuj celis/as la studentojn de AIS. Estos okazo ankaŭ por paroli pri la Eŭropa Klubo, la problemoj de identeco kaj plurkultureco de la nova Eŭropo, kaj la rolo de Esperanto en tiu procezo.

*Lundo 14h30-15h00*

## Aleksander Melnikov



Ne, li ne estas la aŭtoro de "Tri porkidoj", sed tamen kredas ke liaj libroj meritas esti eĉ pli popularaj. Li ja verkas pri nia lingvo. Ĉu vi scias, ke ekzistas ĉirkaŭ kvardek tipoj de vortludoj en Esperanto? Ĉu vi riskus veti, ke vi trovos ĉiujn E-kulturajn ironiaĵojn, aludojn, parodiojn ktp. en ajna originala E-teksto? Ĉu vi estas nura E-parolanto aŭ eĉa E-kulturulo? Post lego de la libroj de Melnikov vi sendube pliriĉiĝos vian E-rilatan sciaron, kaj li... sian monujon, li esperas.

*Lundo 15h00-15h30*

## Eddy Raats



Iam elstara esperantisto prijuĝis la tekstojn de Eddy Raats jene: "Bonega enhavo sed via Esperanto estas tro simpla." Tion Eddy kredas esti eble la plej bona recenzo kaj bela laŭdo de iam ajn. Tro malfrue li eksciis ion pri Esperanto, li diras, ĉar tiam li jam festis sian 53-jariĝon. Pro tio li nun klopodas rekapti la perditan tempon.

*Lundo 16h00-16h30*

## Venu farandoli

Ĉiuj kongresanoj estas invititaj al speciala evento, *farandolo*, kies proponanto kaj gvidanto estos Mireille Grosjean. Temas pri surstrata farandolo (gaja procesio, dancada irado) de japana deveno kie ĉiu partoprenanto surhavas *hachimaki*, t.e. tuko, kiun oni surhavas sur la frunto ĉirkaŭ la kapo. Sur la tuko oni skribas ion, kaj la surhavo de tia rubando signifas por japanoj: mi atingos mian celon.

La celo de tiu ĉi evento estos konigi Esperanton al la danoj. Tiucele ĉiu devus skribi sur sian rubandon la nomon de sia denaska lingvo, en la dana.

Ĉiuj kongresanoj kiuj deziras partopreni kunportu blankan tukon, dimensioj: 90 x 33 cm. Oni faldas ĝin por obteni 7cm-larĝan rubandon, kaj nodas ĝin malantaŭ la kapo. Ĉiu pentru la nomon de sia denaska lingvo en la dana.

Tio okazos dimanĉe je la 16h30: preparlaboroj, je la 17h00 ekmarŝado.

Loko: komenco en la kongresejo. Fino en Tivoli, la loko de la nacia vespero, trairante la ĉefan urbostraton.

Mi esperas ke multaj kongresanoj emos partopreni tiun eventon.

**Ileana Schrøder, prezidanto de LKK**

## "QR" por poŝtelefonaj legiloj

En tiu ĉi UK ni ebligas al tiuj kongresanoj kun porteblaj telefonoj ekipitaj per legiloj de "QR"-kodoj havi la Kongresan Kurieron en siaj telefonoj.

Skanante la kodaĵon (la apuda estas por la hodiaŭa numero, aliaj sekvos tra la semajno) vi ricevas ligilon al retpaĝo kie estas la Kongresa Kuriero, kiun vi povas legi kaj elŝuti al via telefono.



Jen konvena teknikaĵo, sed atentu pri la foje altaj kostoj uzi Interreton per via poŝtelefono!



KONGRESA KURIERO DE LA 96-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

# VIKINGA VOĈO

Lundo, 25 julio 2011 N-ro 2

## MESAĜO DE IRINA BOKOVA, ĜENERALA DIREKTORO DE UNESKO OKAZE DE LA 96-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

*Kopenhago, 23-an de julio 2011*

Estas por mi granda plezuro sendi miajn salutojn al ĉiuj partoprenantoj de la 96-a Universala Kongreso de Esperanto.

Koncentriĝante al "dialogo kaj reciproka kompreno", la elektita temo de la nuna Internacia Jaro de la Junularo de UN, vi kontribuas al la antaŭenigo de la idealoj de paco, libereco, progreso kaj solidareco, kiuj esencas por kapabligi la junularon kaj atingi la Jarmilajn Evolucelojn.

En tiuj noblaj celoj partoprenas ankaŭ Unesko, kies membro-ŝtatoj – cite el nia konstitucio – "firme intencas evoluigi kaj kreskigi la rimedojn de komunikado inter siaj popoloj kaj uzi tiujn rimedojn cele al reciproka kompreno kaj pli vereca kaj perfekta konado de la vivo de aliaj."

Estante distinga karakterizaĵo de la homa ekzisto kaj kovrante la tutan gamon de homaj emocioj, opinioj kaj valoroj, lingvoj funkcias kiel nemalhaveblaj portiloj de dialogo, toleremo, kompreno kaj respekto inter popoloj, sociaj grupoj kaj generacioj.

La Esperanto-movado, fondita antaŭ pli ol cent jaroj, persiste promocias egalecon inter la lingvoj, kulturoj kaj popoloj de la mondo. Simile, Unesko estas konvinkita, ke multlingveco iĝis esenca por konservi la mirindan diversecon kiu karakterizas la homaron, precipe en la nuna epoko de ĉiam kreskanta tutmondiĝo. Plie, estante integra parto de niaj identecoj, multlingveco iĝis vaste agnoskata kiel strategia faktoro por paco kaj daŭripova evoluo.

Unesko do aplaŭdas la grandegajn klopodojn de esperantistoj ĉie en la mondo dum la lastaj jardekoj. Tiurilate la 96-a Universala Kongreso de Esperanto formas valoran kontribuon al la lukto por antaŭenigi lingvan diversecon kaj reciprokan komprenon.

Al Universala Esperanto-Asocio kaj al ĉiuj partoprenantoj en tiu ĉi 96-a Universala Kongreso de Esperanto, mi volas esprimi miajn plej varmajn bondezirojn por fruktodonaj kaj stimulaj laboroj.

Irina Bokova

## Oratora Konkurso – aliĝu tuj!

Kiel informas la Kongresa Libro sur paĝo 50, gejunuloj ĝis-30-jaraj estas invititaj partopreni en la ĉiukongresa Oratora Konkurso, sed devas anonci sin por tio minimume unu tagon antaŭe al la UEA-estrarano pri kulturo Claude Nourmont (KN 66). Ĉar la konkurso okazos en mardo (14h00-15h30, Lapenna), tio signifas ke kandidatoj devas prezenti sin plej laste en lundo. Serĉu Claude kaj parolu!

## Reta EPĈ invitas

Bonvenon al la kunsido de la reta *El Popola Ĉinio*. EPĈ jam travivas 61 jarojn. Por ke ĝi bone servu niajn legantojn, ni bonvenigas niajn legantojn al nia kunsido, kie ni povos kune diskuti kiel bonigi la EPĈ-retpaĝaron. Legantoj kiuj plenigos niajn enketilojn povos gajni etan donacon.

**Liu Zijia, KN 1379**

***Mardo 14h30-15h30, Friis***

## Sukcesaj kaj multnaciaj ILEI-aranĝoj

Sukcese venis al fino la 44-a Konferenco de la Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj (ILEI), kiu elstaris kvante (103 aliĝintoj), kvalite (ĉ. 50 prelegoj, prezentaĵoj, diskutforumoj kaj laborgrupoj) kaj bunte – partoprenintoj el Indonezio, Nepalo, Ĉinio, Korea Respubliko, Ganao, Benino, Meksiko kaj Kubo. La Komitato kompletigis la estraron per elekto de s-ro Huang Yin Bao (Trezoro) al la sekretaria posteno, akceptis sekcion el Meksiko, reprezentanton en Ganao kaj kontaktpersonojn en Indonezio kaj Nepalo. Kulmino de la semajno estis Simpozio organizita kune kun la Centro de Espoloro kaj Dokumentado pri la Monda Lingvo-Problemo (CED) kaj la Fakultato de Humanistiko de la Universitato de Kopenhago kun la temo: "Lingvoj de scienca komunikado kaj edukado". La simpozio disvolviĝis en la angla kaj Esperanto kun prezentaĵoj de gastoj el la akademia mondo: Frans Gregersen, Robert Phillipson, Lászlo Marácz kaj Karsten Fledelius. Aldoniĝis universitatanoj kiuj estas esperantistoj: Humphrey Tonkin, Probal Dasgupta, Sabine Fiedler, Mark Fettes, Nicolau Dols Salas, Davide Astori, Amri Wandel kaj Marek Blahuš. La debatoj malfermis terenojn kiuj devas ĉiam pli gravi por ILEI – demandoj pri lingvo-uzo kaj lingva elekteblo en transnaciaj edukaj kaj sciencaj interŝanĝoj. La realigo de la simpozio atestas multmonatan organizan laboron flanke de ILEI kaj multjaran flegadon de kontaktoj en universitataj rondoj.

**Stefan MacGill, prezidanto de ILEI, KN 1266**

## Ŝanĝoj en la Junulara Programo

La lunda ekskurso al Torup daŭros de la 9-a ĝis la 18-a horo anstataŭ ĝis la 16-a. La lunda pikniko en la reĝa ĝardeno okazos inter 19h00 kaj 22h00 anstataŭ je la menciitaj horoj.

La merkreda koncerto okazos ne en kafejo Mandela je la horoj indikitaj en la Kongresa Libro, sed inter la 19-a kaj la 22-a ekster la Kultura Domo ĉe Islands Brygge (Islands Brygge 18, 2300 København S). Vidu sube.

## Prezento de Kimo, por la lunda kaj merkreda prezentoj

Kim J: henriksen, ankaŭ konata kiel Kimo. 50-jara. Kunfondinto de Amplifiki (la unua internacia rokbando kiu kantis en Esperanto) , Esperanto Desperado kaj Hotel Desperado. Verkis kantojn kiel "Sola", "Ska virino" kaj "Tute ne gravas". Dum ok jaroj li estis prezidanto de Dana Esperanto-Asocio, kaj poste dum du jaroj prezidanto de Kopenhaga Esperanto-Klubo.



Denaska Esperanto-parolanto, pola patrino, dana patro. Akordionisto, kantisto. Dum la koncerto li prezentos kantojn de la lastaj 28 jaroj – do vi aŭdos malnovajn konatajn kantojn kaj tute novajn. Dum la koncerto li ludas kun la triopo Verdensstjernerne/La Mondsteluloj. Unu el la aliaj du estas Villads Bugge Bang, filo de Kimo. Villads buŝritmas kaj drumas. Li ĵus aperis en la nova *HipHopa Kompilo 2* de Vinilkosmo. La tria estas Carsten Konow, kiu estas muzika talentulo. Dum la koncerto li ludas tubĵon kaj nekutimajn instrumentojn, ekzemple kafujon, biciklan pumpilon kaj segilon. Kimo ankaŭ koncertos merkredon vespere dum la JUK-koncerto ĉe Islands Brygge Kulturhus (Islands Brygge 18, Kopenhago), kune kun uloj de Hotel Desperado. Venu al etosplena, mojosa kaj "ujutna" koncerto.

***Lundo 14h30-15h30, Zamenhof***

***Merkredo 19h00-22h00, ekster Kultura Domo***

## Interparolo de IKEL-etnistoj

Pro la ĵusa demisio de nia prezidanto, Daniele Vitali, IKEL (Internacia Komitato por Etnaj Liberecoj) ne rezervis salonon por tiu ĉi UK. Tial ni petas niajn membrojn kaj interesatojn kuniĝi antaŭ la giĉetoj en la kongresa enirhalo **mardon, la 26-an de julio je 18h15** por decidi pri neformala kunveno cele al la plua funkciado de nia asocio. Dankon pro via interesiĝo!

**Nicole Margot, vicprezidanto de IKEL, KN 901**

## Novaj aliĝoj

1398 **S-ro Eduardo (Solo) Vargas Gutiérrez,** Marmoles 32, 2a A, ES-29007 Málaga, Hispanio
1399 **S-ino Ankie van der Meer,** Nieuwstad 14, NL-9251 LM Burgum, Nederlando
1400 **S-ro Nanne Kalma,** Nieuwstad 14, NL-9251 LM Burgum, Nederlando
1401 **S-ro Jevgenij Gaus,** Plento g. 26-B-13, LT-45400 Kaunas, Litovio
1402 **S-ro Peter Baláž,** Víťazná 840/67A, SK-958 04 Partizánske, Slovakio
1403 **S-ro Amir Hadžiahmetović,** Hans Olriksvej 2, 4, DK-2540 København SV, Danio
1404 **D-ino Maria Rosaria Esposito,** via Gabriele Jannelli 44, IT-80131 Napoli, Italio
1405 **S-ro Miyoshi Etsuo,** 440 Matsubara, Higasikagawa-si, Kagawa-ken, 769-2702, Japanio
1406 **S-ino Miyoshi Yoshiko,** 440 Matsubara, Higashi-kagawa-shi, Kagawa-ken, 769-2702, Japanio
1407 **S-ro Gediminas Degėsys,** Paribio g. 25B-2, LT-09020 Vilnius, Litovio
1408 **S-ino Ona Žuromskienė,** Pulko g. 92-17, Alytus, Litovio
1409 **S-ro Mindaugas Žuromskas,** Paribio g. 28B-2, LT-09020 Vilnius, Litovio
1410 **S-ro Ĵomart Uskenbajeviĉ Amzejev,** Bruntegatan 8, SE-165 58 Hässelby, Svedio
1411 **S-ino Natalja Gerlach,** Bruntegatan 8, SE-165 58 Hässelby, Svedio
1412 **S-ro Peter Hauser,** Germanio
1413 **Prof. Erik Høg,** Danio
1414 **S-ino Giulia Piazzolla,** Italio



## Aŭtoraj Duonhoroj

### Paul Gubbins



Paul Gubbins konsideras sin speco de akuŝisto por denaska Esperanto-dramo - t.e. teatraĵoj verkitaj en Esperanto por verda publiko. En sia aŭtora duonhoro li klarigos, kiamaniere li provas kreskigi ĉi tiun ankoraŭ feblan denaskulon, kaj montros nutraĵojn, kiun li preparis por plifortigi la infaneton. Akuŝisto li estas ankaŭ por la sendependa revuo Monato ... kaj do volonte respondos al demandoj pri sia "medicina" kariero.

***Mardo 15h00-15h30***

### Probal Dasgupta



Probal Dasgupta estas honora membro de la Lingvistika Societo de Usono ekde 2004 ; nomumite kiel la jara vizitprofesoro pri la filozofio 2008-09 de la Barata Konsilio pri Filozofia Esploro ICPR, li uzis la okazon por verki manifeston pri esperantismo vestitan kiel faka libro pri la kogna scienco tuŝanta ankaŭ la lingvistikon, la tradukistikon kaj la esperantologion. Li prezentas ĉi-foje tiun libron, *Loĝi en homaj lingvoj*: la substancisma perspektivo, kaj ankaŭ la libron, kiun esperantigis el la bengala lia edzino d-rino Malasree Dasgupta (1962-), la infanromanon *La vivo de Damoru*; oni konas ĝin kiel la pontotradukon, pere de kiu aliaj plutradukis ĝin slovenen, kroaten kaj italen en projekto de la Eŭropa Komisiono.

***Mardo 15h30-16h00***

### Humphrey Tonkin



Humphrey Tonkin, konata kiel tradukanto en Esperanton, lastatempe publikigis sian tradukon en la anglan de la esperantlingva verko de Tivadar Soros, *Modernaj Robinzonoj*. Ankaŭ reaperis lia angla traduko de *Maskerado ĉirkau la morto*, la ĉefverko de Soros.

***Mardo 16h00-16h30***

### Christer Kiselman



Christer Kiselman estas matematikisto kaj esploras pri partaj diferencialaj ekvacioj, kompleksa analitiko kaj kompleksa geometrio, kaj nuntempe ĉefe pri diĝita geometrio, matematika morfologio kaj diskreta optimumado. Li verkis pri la gramatiko kaj historio de Esperanto, kaj ankaŭ pri la faka sveda lingvo en diversaj kampoj. Dum tiu ĉi duonhoro li prezentos la tutnovajn eldonaĵojn, kiujn li redaktis: *Esperantologio/Esperanto Studies*: la kvina kajero aperis. La Esperantologia Konferenco en Havano: la aktoj aperis.

***Mardo 16h30-17h00***

# Tago de la Lernejo

*mardon la 26-an de julio 2011, 10h00-17h00, salono Privat*

## Temo: Edukado per kaj por Esperanto

### MALFERMO: 10.00 - 10.35

**1. Saluto nome de ILEI**

Stefan MacGILL, prezidanto de ILEI

**2. Saluto nome de UEA**

Claude NOURMONT, estrarano de UEA

**3. Sorobaneca mensa kalkulado**

Kimie MARKARIAN

### 1. EVOLUO DE MALNOVAJ PROJEKTOJ: 10.35 - 11.45

**1.a. Sonlibroj en Esperanto**

Stano MARČEK, redaktoro de la revuo *Esperanto*

**1.b. La brita lingvolanĉilo: kio nun?**

D-ro Paul GUBBINS

**1.c. Dua Vivo: ilo por instruado**

Anna LOWENSTEIN

Diskutoj

Paŭzo: 15 min. (11.45 - 12.00)

### 2. FEKUNDAJ KAMPOJ POR INSTRUADO DE ESPERANTO: 12.00 - 13.35

**2.a. Kultura kaj edukcentro, instruado loka, lerneja**

Zsofia KORODY, prezidanto de AGEI

**2.b. Kial Ĉinio estas fekunda kampo por la instruado de Esperanto**

Ronald GLOSSOP, Prof. emerita

**2.c. Instruspertoj post la kursumado en Kongo**

Alain DELMOTTE

**2.d. Reenkonduko de Esperanto en Indonezio: miaj spertoj**

Heidi GOES

Diskutoj

Paŭzo: 15 min. (13.35 - 13.50)

### 3. KONSIDEROJ PRI ESPERANTO EN LA NUNA MONDO: 13.50 - 15.55

**3.a Edukado per kaj por Esperanto: por kiuj celoj kaj per kiaj rimedoj**

D-ro Duncan CHARTERS

**3.b. Esperanto estas facila: ni instruu ĝin tia**

D-ro Renato CORSETTI, prezidanto de IEF

**3.c. Tra la spuroj de Esperanto-leciono**

Prof. Julián HERNÁNDEZ ANGULO, Kuba Esperanto-Asocio

**3.d. Aspektoj kaj atingoj de intensiva E-semajno por klaso regule lernanta E-on**

Mónika MOLNÁR

**3.e. Esperanto en oficiala instrusistemo**

D-ro François LO JACOMO, prezidanto de Greziljono

**3.f. Lingva egaleco en la scienco sub la ombro de la angla**

D-ro Amri WANDEL, prezidanto de ELI

Diskutoj

### 4. NOVAJ PROJEKTOJ EN ESPERANTUJO: 15.55 - 17.00

**4.a. RITE kaj Klerigejo: novaj perfektigaj kursoj ĉe Edukado.net**

D-ino Katalin KOVÁTS

**4.b. Esperanto 125: projekto por la festenda jubileo de 2012**

Stefan MacGILL, prezidanto de ILEI

**4.c. Projekto PUNTO**

Peter Zilvar, gvidanto de Interkultura Centro Herzberg

Diskutoj

### FERMO

Organizanto: Aurora BUTE

Gvidantoj de la programo: Stefan MacGILL, Duncan CHARTERS, Julián HERNÁNDEZ ANGULO



KONGRESA KURIERO DE LA 96-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

# VIKINGA VOĈO

Mardo, 26 julio 2011 N-ro 3

## Programaj anoncoj

### Tutmondeca Esperanto

Jen definitiva programo de la kunveno de Tutmondeca Esperanto (mardon, la 26-an de julio en salono Zacho [sako] de 11h00-12h30):

- Renato Corsetti kiel prezidanto pri "La celo kaj estonto de Tutmondeca Esperanto";
- Marcos Cramer pri "La bonlingva vortaro: por nova vortaro-kulturo en Esperantujo";
- Johan Derks pri "Prunteprenado en Esperanton de vortoj el fremda lingvo";
- Cvi Solt pri "Kion Esperanto povas 'lerni' el la vortfarado en la hebrea?".

Inter la kontribuoj, kiuj daŭros mezume po 15 minutojn, ni povos diskuti.

Ekde 10h50 vi povos enskribigi vin kiel membro de "Tutmondeca Esperanto". Nepre venu ĝustatempe!

**Johan Derks, KN 983**

### KER-ekzamenoj

Mardon, inter la 10h00 kaj 10h50 okazos prepar-sesio por la KER-ekzamenoj. Interesiĝantoj venu al la paroligaj kursoj de www.edukado.net, salono Zacho. Tuj poste eblos ankoraŭ aliĝi al la UK-sesio. Ĝis nun aliĝis 32 kandidatoj; mankas ankoraŭ 12 por atingi dumkongrese la nombron 500.

**Katalin Kováts, KN 942**

### Amikaro Bruno Gröning

"Saniĝo per spiritaj fortoj laŭ la instruo de Bruno Gröning, spertoj de saniĝintoj" estas la temo de la unua el tri prelegoj de Amikaro Bruno Gröning. S-ino Edith Henrici klarigos la instruon de Bruno Gröning pri saniga forto. La prelego okazos mardon je 16h30 en salono Noll. La du postajn prelegojn prezentos d-ino med. E. Büker, kiu prezentos dokumentojn pri saniĝoj: ĵaŭdon je 14h15 en salono Noll kaj vendredon je 15h15 en salono Zacho.

**Detlef Meier, KN 461**

## Salutmesaĝo de Louis C. Zaleski-Zamenhof al la 96-a UK en Kopenhago

*Estimataj gekongresanoj, geamikoj karaj, saluton!*

Vi alvenis kongresi en la bela urbo Kopenhago por debati pri dialogo kaj pri interkompreno.

Fakte ĉiu esperantista kunveno estas la ĝusta loko kaj la ĝusta okazo por dialogi kaj por interkompreni; nia lingvo estis ja tiucele elpensita. En tiu ĉi jaro, la Internacia Jaro de Junularo, estas memorinda la fakto, ke nia lingvo estis elpensita de **junulo**, ĝuste por servi kiel rimedo de dialogo kaj interkompreno. Sekve, iniciatita de junulo, la lingvo kaj la ideoj kiujn ĝi portas, daŭre restos junaj.

La latindevena vorto *dialogo* signifas diskuton inter du aŭ pluraj individuoj; diskuton celantan ebligi la interkonsenton. Tamen ne eblus dialogi, se la dialogantoj ne komprenus unu la alian. La interkonsento ne povus esti realigata, se mankus interkompreno.

Ni, esperantistoj, ni dialogas kaj ni interkomprenas, tamen ofte ni malinterkonsentas. Tial la senco de miaj hodiaŭaj bondeziroj estas ke *via dialogo dum la Kopenhaga kongreso konduku nin al la interkonsento pri la ĝusta vojo al la fina venko.*

**Louis C. Zaleski-Zamenhof**

Konferenco kun

Humphrey Tonkin &
Martin Schäffer

Esperanto-fondaĵoj ludas pli kaj pli gravan rolon ĉe la financado de plej diversaj Esperanto-projektoj kaj -agadoj.

Inter la diversaj fondaĵoj plej konata sendube estas Esperantic Studies Foundation (ESF), sen kiu la lernpaĝaro LERNU, ekzemple, ne ekzistus.

Dum la konferenco Humphrey Tonkin kaj Martin Schäffer prezentos la laboron de diversaj Esperanto-fondaĵoj, kiel ekzemple: ESF, Mondo, FAME (Esperanto-kulturpremio), Esperanto Internacia k.a., kaj ni kune diskutos kion fari por havi pliajn sukcesojn.

**Ni elkore invitas vin al la konferenco, kiu okazos mardon, 12h00-13h00, en la salono Canuto.**

## Ĉu ateistoj estas kontraŭ religio?

Tio estas la temo kiun oni diskutos dum la publika kunveno de ATEO, mardon je 17h15-18h00 en salono Canuto. La kunveno estas malfermita al ĉiuj interesatoj.

**Anna Lowenstein, KN 1026**

## Jura alvoko!

Ni alvokas la membrojn de EJA, kaj juristojn ĝenerale, al kunsido de Esperanta Jura Asocio (EJA) okazonta mardon, de 15h30 ĝis 16h15 en salono Noll. Dum la kunsido estos disdonata al la membroj la lasta numero de *Jura Tribuno Internacia*.

**M.R. Urueña, prezidanto de EJA, KN 246**

## Verduloj pri politiko kaj Tanzanio

En la publika renkontiĝo de AVE (verduloj) en mardo (12h45-14h15, Zacho) estos prezentita la kunlaboro inter esperantistoj kun la verdaj (ekologiaj) partioj. Ankaŭ raportos nia samideano Mramba Simba pri sukcesoj kaj aktualaj projektoj en Tanzanio. Pliaj informoj ĉe www.verduloj.org.

**Manfred Westermaer, sekretario de AVE, KN 867**

**La Urba Akcepto en mardo okazos en la urbodomo de Kopenhago, antaŭ Tivoli. Ne estas aranĝita komuna irado, sed ĉiuj devas memstare iri. Informoj pri publika transporto ĉe la informejo. Ne forgesu ke la akcepto estas nur por tiuj, kiuj ricevis la invitilon.**

# Kongresaj raportoj

## Prioritatoj por la edukado

La subkomitato de UEA pri edukado kunvenis en la 25-a de julio, 2011 en salono Noll, kun 14 partoprenantoj, el kiuj 7 komitatanoj de UEA. La kunsido konstatis la urĝon trovi pliajn kursanojn por la tri-jara postdiploma kursaro pri interlingvistiko en UAM, Poznano, kies aliĝlimo estas la 16-a de aŭgusto 2011. Pri instruista trejnado la kunsido proponas komunan apogon de UEA kaj ILEI por la nova retbazita projekto RITE. Pri tutmondigo la subkomitato rekomendas, ke UEA kaj ILEI kune kaj plue apogu regionajn kunvenojn kun eduka enhavo. Pri la ekzamenoj de UEA-ILEI oni konstatis la bezonon reeldoni ĝian gvidlibron, kaj difini por la ekzamenoj novajn ekzistokialojn bazitajn sur la diferencoj inter ili kaj la KER-ekzamenoj. La subkomitato petas al UEA ene de 30 tagoj principe kaj praktike esprimi subtenon por la projekto esperanto125 per plenumo de kvar detaligitaj punktoj. La plena komitato de UEA traktos la subkomisionan rekomendojn en vendredo.

**Stefan MacGill, KN 1266**

## Esperanto-bibliotekoj

En dimanĉo kelkaj E-bibliotekistoj kunvenis por interŝanĝi informojn. Post proksimume unu monato eblos ĉe www.bretaro.net registri kaj alŝuti ciferecigitajn (bitigitajn) librojn. Tio estos la komenco de la kreota ĝenerala reta Esperanto-librokatalogo. La subskribinto dissendos detalan demandaron al ĉiuj konataj Esperanto-bibliotekoj. El ĝi rezultu laŭeble kompleta datumbazo de niaj bibliotekoj kaj arĥivoj. Ĝi estos ero de la supre menciita nova retejo. Estas kreita Google-listo “bibliotekoj”; ĉiuj interesitoj kaj prizorgantoj de E-bibliotekoj estas invitataj aliĝi al ĝi ĉe http://groups.google.com/group/bibliotekoj.

**Roland Rotsaert, KN 218**

## Fervojistaj paroloj

Dimanĉon posttagmeze okazis la kontakt-kunveno de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF), kiun partoprenis 23 personoj el 12 landoj. Post salutvortoj, Sylviane Lafargue remorigis kelkajn gravajn momentojn el la historio de IFEF. D-ro Imre Ferenczy, prezidanto de Universala Medicina Esperanto-Asocio (UMEA), parolis pri komunaj ligoj inter niaj du asocioj. S-ino Rodica Todor, prezidanto de IFEF, rakontis agrablajn momentojn de la lasta IFEF-kongreso en Liberec (Ĉeĥio), kiu okazis en majo. Inĝ. István Gulyás raportis pri la laborplano de IFEF inter 2011 kaj 2014. Ni anoncis nian venontan kongreson en Herzberg, la Esperanto-urbo, inter la 19-a kaj 25-a de majo 2012. Fine ni invitis homojn partopreni fervojfakan ekskurson tra la bontenadcentro de la Kopenhaga metroo.

**Sylviane Lafargue, vicprezidanto de IFEF, KN 394**

## Farandolo: kuraĝaj kur-aĝaj esperantistoj

Granda grupo de inter 60 kaj 100 homoj ornamis sin per fruntaj rubandoj *hachimaki*, sur kiujn ili estis skribintaj en la dana lingvo la nomon de sia(j) lingvo(j). Ili marŝis farandole tra la urbocentro, ĝuante tiel multajn okazojn ekrilati kun kopenhaganoj kaj klarigi pri nia komunikadstilo. Evidente suno mankis, piedoj malsekiĝis, publiko magris… sed gaja etoso viglis, kantoj kaj ridoj abundis, kaj pluvombreloj utilis.

**Mirejo Grosjean, KN 141**

## Nova estraro ĉe LSG

La kunveno de Ligo de Samseksamaj Geesperantistoj (LSG) okazis dimanĉon je 16h00 en salono Noll. Traktiĝis protokolo de la bjalistoka kunveno (akceptita sen disputo), elspezoj kaj jarkotizo (kiuj restos samaj), kaj landa raporto el Pollando pri simbolo. Estis elektita nova estraro kaj redakta teamo por la bulteno *Forumo*. La nova estraro decidos pri loko de la sekva jarkunveno, kiu ne okazos en Hanojo sed poste. Estis disdonita informfolio pri tuttaga ekskurso, kaj estis refoje anoncita lunda vespera vizito al loka gejgrupo. Unuminuta silento omaĝis al forpasintoj, kun la nomo de Torben Kehlet emfazita.

**Arnold Victor, KN 129**

## Nek en la kongresejo, nek ie ajn

Post skizo de la 15-jara Tutmonda Asocio de Esperantistaj Nefumantoj (TADEN), komence prezidita de Nora Moerbeek-Bartels, la nuna prezidanto Jan Bemelmans revuis la diverslandan trakton de malpermesoj fumi en publikaj ejoj. En Nederlando la registaro konsiderinde malseverigis la aplikon, post sukcesaj procesoj de drinkejestroj, por konsumejoj sen dungita personaro. En Francio, Italio kaj aliaj landoj, la publika akcepto de leĝoj multe pli pozitivas, kun ĝojiga konsekvenco por la publika sano. Islando planas havigi tabakaĵojn nur laŭ recepto. En 2010 aperis nederlandlingva libro "Motivado lerneblas", kiu helpas asisti tiujn kiuj volas liberiĝi de sia dependeco (drinkado, tromanĝado, hazardludado, fumado) per alternativa aktivado anstataŭ malregi siajn "du-jarulajn impulsojn".

**Rob Moerbeek, KN 72**

# Ekskursaj informoj

## Ekskurso E2 horon pli frue!

**Ekskurso E2, "Vikingoj", komenciĝos *ne* je la 10-a matene, sed *je la 9-a*. Aliĝintoj al tiu ĉi ekskurso do bonvolu veni unu horon pli frue!**

## Duontagaj biletoj ankoraŭ haveblaj

Restas kelkaj biletoj por la jenaj ekskursoj: D2 "Reĝa ekskurso" en ĵaŭdo, E4 "Kastela Sud-Zelando" en ĵaŭdo, kaj D3 "Carlsberg-bierejo" en vendredo. Ekskursoj mendeblas ĉe la ekskursa giĉeto.

# Aŭtoraj Duonhoroj

## Katalin Kováts



Kaptu la okazon ekzameni Katalin Kováts! La esperantisto de la jaro 2010, redaktoro de www.edukado.net kaj ĉeforganizanto de la KER-ekzamenoj ĉi-jare montris ankaŭ siajn detektivajn talentojn, malkaŝante gravajn historiajn faktojn kaj figurojn el la skandinavia movado en la tridekaj jaroj kaj revivigante dormantajn memor(int)ojn de la epoko. Pri ŝia nova libro, *Stelsemantoj en la ora nordo*, pri la agado kaj vivo de Tiberio Morariu kaj liaj samtempuloj, kaj pri aldonaj kulissekretoj eblos ekscii pli da informoj, rekte de Katalin, dum tiu ĉi duonhoro.

***Ĵaŭdo 15h30-16h00***

**Trejnseminario pri lingvoinstruado kadre de la programo Grundtvig "In-Service Training", subvenciata de Eŭropa Unio**

(Grundtvig Course NL-2011-232-001)

Organizanto : UEA
Programgvidanto: Katalin Kováts
Partoprenontoj: laŭ antaŭa aliĝo kaj ricevitaj subvencioj

**Informoj por la partoprenantoj**

La trejnado konsistas el teoria kaj praktika partoj.

**Teoria parto**

- Koresponda preparsesio en majo-junio;
- 4-hora seminario pri metodoj kaj modernaj metodoj pri la mezurado, taksado kaj evoluigo de lingvaj kapabloj;
- Partopreno en 3 seminarioj de la Kleriga Lundo;
- Partopreno en 6 prelegoj de la Lerneja Tago;
- Ĉeesto de po 1-2 prelegoj en la Internacia Kongresa Universitato, kunsido de la Akademio kaj Esperantologia Konferenco.

**Praktika parto**

- Gvidata observado de lingvokursoj, 4 horoj je du niveloj (A1-A2 kaj B1-C1);
- Analizado de la observitaj lecionoj, spert-interŝanĝo kun la gvidantoj (2 horoj);
- Prezento de 15-minuta lecioneto en la kurso je nivelo A1-A2 aŭ B1-C1;
- Prezento de propra prelego dum la Lerneja Tago;
- Gvidata vizito en la libroservo, analizo de la disponeblaj E-lernolibroj kaj lerniloj;
- Observado kaj asistado de la preparlaboroj de la ekzamensesio laŭ la Eŭropa Referenckadro;
- Observado de la skriba kaj po 2 parolaj sesioj je ĉiu nivelo de la KER-ekzamenoj;
- Observado de la ekzamensesio por blinduloj;
- Konsultiĝo, raportado pri la spertoj kaj viditaj programoj, ferma taksado de la trejnado, transdono de atestiloj.

## Novaj aliĝoj

1415 **S-ro Brunetto Casini,** Italio
1416 **S-ino Núri Puerta Cusí,** Hispanio
1417 **S-ro Onni Kauppinen,** Finnlando
1418 **S-ino Maria Benvenuti,** Svislando
1419 **S-ro Walter P. Gaxer,** Svislando
1420 **S-ro Markku Saastamoinen,** Finnlando
1421 **S-ino Kaisa Saastamoinen,** Finnlando
1422 **S-ino Montserrat Franquesa Godia,** Hispanio
1423 **S-ino Rosalia Bokeloli,** Germanio
1424 **S-ro Joaquim João Mariano,** Brazilo
1425 **S-ro Fernando Luiz Fernando Puhl,** Brazilo
1426 **S-ro Raimundo Gomes,** Brazilo
1427 **S-ino Jaynira Gomes,** Brazilo
1428 **S-ro Okabe Akiumi,** Japanio
1429 **S-ino Sussane Rude Brink,** Danio
1430 **S-ino Fan Qiu Ju,** Ĉinio
1431 **S-ro William Hansen,** Danio
1432 **S-ro Thomas Lytje,** Danio
1433 **S-ino Anikó Slezák,** Hungario
1434 **S-ro Hans Welling,** Germanio
1435 **S-ro Matt Peperell,** Britio
1436 **S-ro Brandon Sowers,** Usono
1437 **S-ino Miyabi Matsura,** Japnio
1438 **S-ino Nobuko Yoshida,** Japanio
1439 **S-ino Mikuko Oyaizu,** Japanio
1440 **S-ino Marithe Lot,** Francio
1441 **S-ro Bent Martin Muus,** Danio
1442 **S-ino Eva Farkas-Tatàr,** Hungario
1443 **S-ino Marie-Thérese Guillaume,** Francio
1444 **S-ro Ralf Bachmann,** Germanio
1445 **S-ro Jerzy Fornal,** Pollando
1446 **S-ino Zofia Banet-Fornal,** Pollando
1447 **S-ino Tamara Banet-Fornal,** Pollando
1448 **S-ro Werner Madsen,** Danio
1449 **S-ro Nico Huurman,** Nederlando
1450 **S-ro Ermanno Tarracchini,** Italio
1451 **S-ro Blago Alilović,** Kanado

## Programaj ŝanĝoj/korektoj

### Scienca kaj Faka Agado

La ĵaŭda kunsido de la UEA-subkomitato pri scienca kaj faka agado, pro konflikto kun la publika kunsido de la Akademio, okazos de 13h00-14h00 anstataŭ de 11h30-12h15, en salono Noll laŭ la laŭtaga programo kaj programa tabelo en la Kongresa Libro, kaj ne en salono Friis laŭ la laŭalfabeta programo. La publiko estas bonvena.

### Kuracistoj, ne naturistoj

La INA-kunveno, ĵaŭdon je 15h15 en salono Friis, estos de Internacia Naturkuraca Asocio kaj ne, kiel indikite en la programo, de naturistoj. Ĉi ties asocio estas Internacia Naturista Organizo Esperantista (INOE), kiu ne kunvenas ĉi-kongrese sed estis reprezentata en la Movada Foiro.

**Neniu rajtas glui/pendigi afiŝhojn aŭ informojn sur la kongresejaj muroj. Ĉiuj malaprobitaj materialoj estos forprenitaj kaj forĵetitaj.**

## Kaj la ceter'

### Martinus-semajno postkongresa

Post la UK, inter la 30-a de julio kaj la 6-a de aŭgusto, okazos Esperanto-semajno en la Martinus-Centro, Klint, paralele kun dana, sveda, angla kaj germana kursoj en internacia etoso. Matene estos interpretata prelego, poste estos studrondoj, kaj posttagmeze estos konversaciaj rondoj. Ne estos prelegoj rekte en Esperanto, nur interpretataj en la granda prelegejo. En la vespero estos distra programo kaj teo kaj kukoj en la restoracio Terrassen. Por informoj pri aliĝo ktp bonvolu vidi www.martinus.dk aŭ kontaktu la subskribinton. Bonvenon!

**Ole Therkelsen, KN 84**

### Donaco al bibliotekoj

La Eldonejo Prosveta, Svislando, pretas sendi senpage po kvar librojn de O.M. Aïvanhov, tradukitajn de Claude Piron, al ĉiu biblioteko de la mondo, kiu petos. Kontaktadreso de KN 1079, nafo-z.

### Kongres-urba poemeto

*Kun la bela verda flago,*
*Venis l' atenditaj tagoj,*
*Tien ĉi, al Kopenhago,*
*L' urbo de tre kostaj pagoj!*

**Ŝin Kiro, anonima kongresano**

### Erara QR-kodaĵo lunda

La KK-redakcio pardonpetas al tiuj kongresanoj kiuj provis elŝuti la hieraŭan (lundan) numeron, sed ne povis. La ĝusta kodaĵo estis metita, sed akcidente tondita tiel ke necesa parto ne aperis. Jen sube espereble funkcipovaj kodaĵoj same por la lunda numero (maldekstre) kiel por la hodiaŭa marda (dekstre).


*n-ro 2 (lundo)*


*n-ro 3 (mardo)*



KONGRESA KURIERO DE LA 96-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

# VIKINGA VOĈO

Ĵaŭdo, 28 julio 2011 N-ro 4

## Programaj anoncoj

### 34-a Esperantologia Konferenco

Jen la laŭhora programo de la ĉi-jara konferenco, kiu okazos ĵaŭdon en salono Neergard de 12h00 ĝis 16h00.

12h00 *Malfermo*

12h10-12h45 *Jens Stengard Larsen*

"Rasmus Rask kaj Otto Jespersen – du danaj lingvistoj kun interlingvistika signifo"

12h45-13h20 *Christer Kiselman*

"Paul Neergaard – sempatologo kaj esperantologo"

13h20-13h55 *Davide Astori*

"Daniele Marignoni (1846-1910) – la homo kiu 'enkondukis la lingvon Esperanton en Italio' "

13h55-14h10 *Paŭzo*

14h10-14h45 *Otto Bernt Prytz*

Fenditaj frazoj: ĉu uzindaj en Esperanto?

14h45-15h20 *Marek Blahuš*

Cifereca prilaboro de la Zamenhofaj adresaroj

15h20-16h00 *Ĝenerala diskuto, koncizaj informoj*

### Ĵaŭdaj junularprogramaj aldonoj

09h00 Artista prezento kun Probal Dasgupto kaj Di Ponti

12h00 Artista prezento kun Ĵomart kaj Nataŝa kaj La Perdita Generacio

15h00 Naĝado (kolektiĝo antaŭ la kongresejo)

### Renkontiĝo pri Grundtvig-partnerado

Eŭropa Unio aprobis dujaran partneran projekton pri interkultura edukado, prezentitan de Esperanto-organizaĵoj. Respondeculoj de Itala Esperanto-Federacio, Svisa Esperanto-Societo, Esperanto-France, Flandra Esperanto-Ligo, Germana Esperanto-Asocio, Fondumo Zamenhof kaj Kataluna Esperanto-Asocio estas invititaj renkontiĝi tuj post la fino de la programero "Kongresoj en Italio", ĵaŭdon je 18h00, cele al la lanĉo de la projekto.

**Francesco Maurelli, KN 947**

### Belartaj Konkursoj

Kiuj estas la Belartaj Konkursoj de UEA? Ĉu vi scias, ke ĉiujare UEA premias poemojn, prozaĵojn kaj teatraĵojn de niaj plej elstaraj aŭ nove aperantaj Esperanto-verkistoj? Kiuj gajnos la premiojn ĉi-jare? Por ekscii, bonvolu nepre veni al la kunveno pri la Belartaj Konkursoj, kiu okazos ĵaŭdon je la 16-a horo en salono Privat. Estu inter la unuaj sciantoj! Kompletigos la kunvenon omaĝo al la poetoj Julio Baghy, Kálmán Kalocsay kaj Eugen Miĥalski, en la formo de legado el iliaj verkoj fare de kelkaj modelaj legantoj de poezio. Ĉiuj tiuj tri grandegaj figuroj de la Esperanto-literaturo fariĝis esperantistoj en la sama jaro: 1911, do antaŭ precize cent jaroj.

**Michela Lipari, KN 356**

### Radio-amatoroj

ILERA, Internacia Ligo de Esperanto-Radio-Amatoroj, kunsidos ĵaŭdon en la centra halo.

**Hans Welling, KN 1434**

### Konkursa kunagada invitilo "KoKuSo"

Ni invitas vin por la ebloj de la diversaj eŭrop-uniaj konkursoj (Grundtvig, Viŝegrada Bazo ktp). Ni organizas diskutrondon ĵaŭdon posttagmeze je la 17-a horo dekstre de la libroservo en la restoracio Bella Vista. Kiu estas reprezentanto de iu civila (neprofitcela) organizaĵo, aŭ interesiĝas pri tiuj aferoj (ankaŭ en tiu okazo se vi ne havas tempon dum la ĵaŭda renkontiĝo), bonvolu kontakti nin, inkl. per la retpoŝta adreso szegedi.eszperanto.kor@gmail.com.

**Ildiko Ferenczi, KN 1286**
**Jozefo Baksa, KN 875**

### Renkontiĝo hungara-hungara

La tradicia hungara renkontiĝo okazos ĵaŭdon ekde la 14-a horo dekstre de la libroservo en la restoracio. Estas invitataj ĉiulandaj hungaroj, amikoj kaj simpatiantoj. Post la sinprezentoj okazos prelegetoj diversaj, ekz. pri Francisko Liszt, la kunagadoj de neprofitcelaj organizaĵoj, kaj la arkitekturo de Danio.

**József Baksa, KN 875**

## Kongresaj raportoj

## Esploro kaj dokumentado

La esplora fako de UEA, la Centro de Esploro kaj Dokumentado pri Mondaj Lingvaj Problemoj (CED), okazigis publikan kunsidon dimanĉon kun trideko da partoprenantoj. Prezidis ĝin la direktoro de CED, d-ro Humphrey Tonkin. CED eldonas *Informilon por Interlingvistoj* (*IpI*), kiu celas doni aktualajn bibliografiajn kaj fakajn informojn utilajn al esperantologoj kaj interlingvistoj. Ĝin redaktas d-ro Detlev Blanke, kaj abonoj estas senpage haveblaj de la CO de UEA. D-ro Blanke raportis pri ĝi kaj pri la CED-Fonduso, kiu subvencias laboron en interlingvistiko (oni konstante serĉas bonajn projektojn tiucele: interlingvistoj kaj esperantologoj estas invitataj kontakti d-ron Blanke). CED eldonas ankaŭ *Language Problems and Language Planning* (*LPLP*). *LPLP* estas konata faka revuo de alta kvalito, kiu havas redaktan teamon konsistantan el Humphrey Tonkin, Mark Fettes, Probal Dasgupta kaj Sabine Fiedler, ĉiuj el kiuj ĉeestis la kunsidon. D-ro Fettes ankaŭ raportis pri la ampleksaj planoj de Esperantic Studies Foundation vastigi sian subtenon de interretaj aplikoj de Esperanto (inkluzive de lernu.net kaj edukado.net). Okazis mallonga diskuto pri la formo de nunaj kaj estontaj Esperantologiaj Konferencoj (tiun serion iniciatis kaj gvidas la Centro), oni aŭdis raporton pri la ĵus finiĝinta Simpozio de ILEI pri lingvoj en la sciencoj, kaj oni inciatis diskuton pri la estonteco de la Akademio Internacia de la Sciencoj San Marino (AIS). Tiu diskuto daŭras dum la semajno en diversaj forumoj.

**Humphrey Tonkin, KN 7**

## Instruspertoj de multaj mondanguloj

Dek naŭ prezentaĵojn el preskaŭ tiom da landoj ILEI enŝovis en sian 7-horan programon "Tago de la Lernejo". La programon reĝisoris estrarano Julián Hernández Angulo; bonvenige parolis Stefan MacGill nome de ILEI kaj Claude Nourmont nome de UEA. La publiko, kiu gamis inter 100 kaj 140 tra la tago, vidis bildojn kaj aŭdis pri instruado en Britio, Benino, Ĉinio, Kongo DR, Indonezio, Kubo, Francio, Germanio, Svislando kaj "retio". Tiu lasta ne referencas la svisan regionon, sed la unikan tutmondan virtualan landon de la komputika reto. Ni spektis kiel funkcias lecionoj en la socia renkontiĝejo Dua Vivo, plie pri lernhelpiloj ĉe lernu.net kaj edukado.net, ankaŭ pri la kontribuo de sonlibroj kaj diskoj. Alia interveno resumis la efikon kaj novajn eblojn de komputikaj evoluoj en la lingvo-instruado – ne restis neglektita la etika kaj kultura dimensioj de niaj lernprogramoj. Kelkaj prelegoj esploris la rolon de Esperanto en oficialaj instrusistemoj, la obstaklojn atingi oficialigon en mondo kie la lingvoelekto tendencas al malmultiĝo, kaj transnaciajn projektojn kiuj estas funkciigataj helpe de Esperanto. Spite la kunpremitan programon, restis iom da tempo por demandoj kaj komentoj. Resume, oni spertis kalejdoskopon de plej diversaj iniciatoj, kursoj, seminarioj kaj eventoj el ĉiuj kontinentoj.

**Stefan MacGill, prezidanto de ILEI, KN 1266**

## Informcentro pri UK kaj la gazetara kampanjo

Ni ĝojas informi, ke ĉe Esperanto.com dum la 96-a UK funkcias informcentro, kie eblos legi informojn kaj vidi fotojn pri la kongreso: http://esperanto.com/uk2011.

**Se vi ne partoprenas la Universalan Kongreson,** vi povas en la informcentro sekvi la programerojn, kiuj okazas dum la plej amasa Esperanto-evento de la jaro. Vi povas vidi novajn fotojn kaj blogaĵojn (kaj ne nur) pri la kongreso ĉiutage.

**Se vi ĉeestos la UK-on**, tiam aldonu viajn fotojn kaj impresojn pri la UK. Kiam vi kreas blogaĵon aŭ aldonas foton ĉe Esperanto.com, nepre indiku iun el la jenaj en la kampo "etikedoj": UK_96, UK-96 aŭ uk2011.

Kompreneble ni invitas vin raporti pri la UK en viaj nacilingvaj blogoj kaj kontakti la amaskomunikilojn. Tio helpos disvastigi konon pri Esperanto. Nepre aldonu ligilojn/tekstojn de tiaj publikaĵoj al la informcentro de la gazetara kampanjo!

**Dima Ŝevĉenko, KN 1260**

## ISAE renoviĝas

Dum la marda kunveno de ISAE, la sciencamikoj transdonis la torĉon al nova generacio. Prof. Sachs, plenmerita ĉefa aganto de ISAE, pensiiĝas kaj juna agema teamo plu certigos la altnivelajn agadojn en la estonteco. La nova estraro konsistas el: José Antonio Vergara, prezidanto; Francesco Maurelli, ĝenerala sekretario kaj komitatano A por UEA; Johannes Mueller, redaktoro de la revuo; Melanie Maradan, terminologio; kaj Claude Labetaa, rilatoj kun ILEI. Plia grupo da kunlaborantoj estis formita, por helpi diversflanke en la agadoj entreprenindaj.

Sukceson al la nova grupo!

**Francesco Maurelli, KN 947**

## Katemulojn logis kanto

La ĉi-jaran kunsidon de Rondo "Kato" / Esperantista Kat-amikaro (mardon la 26-an) malfermis kante Åke Näsholm (KN 1201) per "Kara kato", kiun li aparte komponis por tiu ĉi okazo. Sekvis mallonga prezento de la Rondo kaj la lastaj numeroj de ĝiaj organeto *Folioj de Kat-amikaro* kaj *Novaĵletero*.

Per la kunsida temo "Kiel foti vian katon?" Ingrid Näsholm (sekretariino; KN 1203) logis sesdekon da katemuloj en salonon Canuto. Kun la asisto de Francisco Veuthey (redaktoro kaj kasisto; KN 1111), kiu manipulis katan pupon, ŝi demonstris diversajn ludstrategiojn por ricevi la plej bonajn fotojn de katoj – "kvankam ili ofte havas aliajn planojn ol la fotisto". Mem profesia bredistino de siberiaj katoj, ŝi ankaŭ parolis pri ĝeneralaĵoj de la kataj korpolingvo, psiko kaj konduto.

La prezenton fermis filmeto redaktita de Francisco, *La katoj de Ingrid*. Ĝi konsistas el dekoj da belaj kato-fotoj, kiujn Ingrid faris kiel membro de fotoklubo en Svedio. Ĝin la Rondo baldaŭ publikigos en YouTube.

Informojn pri membreco, la senpagan *Novaĵletero*n kaj respondon al konsultoj pri kataj temoj rajtas ricevi kiu ajn, kiu sin turnas al rondokato@hotmail.com.

**Francisco L. Veuthey, KN 1111**

## TRI NOVAJ HONORAJ MEMBROJ

En sia unua kunsido en sabato la Komitato de UEA elektis tri elstarajn movadanojn kiel Honorajn Membrojn de UEA. Ili estas:

**Detlev BLANKE**



Germano, nask. 1941. Sekretario de Centra Laborrondo E-o en la Kulturligo de GDR 1968-1980 kaj ekde 1981 de Esperanto-Asocio de GDR. Doktoriĝis en 1976 per disertacio pri kompara vortfarado de E-o kaj la germana kaj habilitiĝis en 1985 per disertacio pri planlingvoj (*Internationale Plansprachen*). En 1988 li fariĝis docento pri interlingvistiko en la Humboldt-Universitato. Ekde 1976 li estas estrarano de CED, kies bultenon *Informilo por Interlingvistoj* li redaktas ekde 1992, jaro en kiu li ankaŭ komencis kompili (kun H. Tonkin) bibliografion pri E-o kaj interlingvistiko por Modern Language Association. Li iniciatis la Esperantologiajn Konferencojn, kiuj okazas ekde 1978. Kun sia edzino Wera li laboras i.a. pri terminologio kaj iniciatis Terminologian Esperanto-Centron de UEA en 1987.

**Renato CORSETTI**



Italo, nask. 1941. Laboris dum la unua parto de la vivo en banko kaj poste en la Universitato de Romo. Aktiva en la Esperanto-movado de la fino de la 1960-aj jaroj. Prezidanto de TEJO 1971-1973, poste honora prezidanto. Estrarano de UEA 1980-1986, vicprezidanto 1998-2001 kaj prezidanto 2001-2007. Membris en multaj komisionoj de UEA kaj estis prezidanto 1980-1986 kaj vicprezidanto ekde 2002 de Instituсio Hodler ’68. Estrarano kaj prezidanto de Itala Esperanto-Federacio dum pluraj periodoj. Membro kaj sekretario de la Akademio de Esperanto ekde 1999. En 2008 li ricevis la Premion Deguĉi. Aŭtoris aŭ redaktis multajn librojn kaj artikolojn. En sia agado li aparte interesiĝas pri la disvastigo de Esperanto al ĉiuj kontinentoj kaj pri ĝia utiligo por certigi la lingvajn homajn rajtojn je ĉiu nivelo.

**Rob MOERBEEK**



Nederlandano, nask. 1936. Ekde 1969 li laboris 32 jarojn kiel oficisto de UEA zorgante pri la ekspedofako de la CO kaj provlegado de *Esperanto* k.a. periodaĵoj kaj eldonaĵoj de UEA. Li prizorgis ankaŭ la Bibliotekon Hodler kaj la arkivon de la CO. Post emeritiĝo en 2001 li laboras volontule en la CO. Li korektas ankaŭ la revuojn *Monato*, *Internacia Pedagogia Revuo*, *Scienca Revuo*, *Fen-X* (Esperanto Nederland), *E-ista Vegetarano*, *La Kontakto* (nederlanda LIBE-sekcio), k.a. Agado por handikapuloj, precipe blinduloj, estas proksima al li. Li prizorgas voĉlegadon de *Esperanto* k.a. revuoj. Ekde 2001 li reprezentas Ligon Internacian de Blindaj E-istoj en la Komitato de UEA. Li estis privatdocento pri E-o ĉe la Universitato de Amsterdamo 1978-1998. En 2000 li ricevis la Premion Deguĉi.

## UN, Unesko, ISO, Eŭropo…

Tri ĉi-kongresaj kunsidoj estas koncernintaj la eksterajn rilatojn de UEA.

Dimanĉon la tiutema subkomitato traktis diverslokajn agadojn de UEA-komisiitoj, gvidate de Mirejo Grosjean kaj Stefano Keller.

Okaze de la Kleriga Lundo, grandnombra ĉeestantaro konatiĝis kun la UN-sistemo dum prelego de Humphrey Tonkin. Stefano Keller prezentis la strukturon kaj funkciadon de la Geneva UN-oficejo pri homaj rajtoj.

La marda laborseminario pri niaj ebloj kaj aktivaĵoj ĉe UN kaj UNESKO celis, krom plia informado, alvoki pri aktiva kunlaboro de ĉiuj esperantistoj en la interagoj, agadoj de UEA kun ties neesperantaj partneraj organizaĵoj landnivelaj kaj internaciaj.

**Stefano Keller, estrarano pri eksteraj rilatoj, KN 62**

## Medicinistoj pri aferoj kiujn vi ne konas

En dimanĉo okazis la kunveno de Universala Medicina Esperanto-Asocio (UMEA), kun ĉeesto de 34 gekolegoj el 13 landoj. La prezidanto raportis pri la agado de la asocio. Lastjare somere aranĝis la asocio sian internacian kongreson, IMEK. Partoprenis ĝin 80 personoj el 6 landoj. Regule aperas la organo *Medicina Internacia Revuo*. Venontjare la IMEK okazos en la urbo Opava, Ĉeĥio. UMEA serĉas kunlaborantojn el pluraj landoj kaj deziras plialtigi sian membronombron.

Post la raporto kaj alparoloj sekvis du fakaj prelegoj. Unue prof. d-ro Wang Disheng parolis pri “La santena kaj resaniga funkcioj de la reno en TCXM kaj ĝia teoria fundamento”. S-ino Katarina Faragó prelegis pri “La rilatoj inter tirogenaj malsantipoj kaj sterileco”.

**Imre Ferenczy, KN 35**

## Aŭtoraj Duonhoroj

### HORI Jasuo



HORI Jasuo ne nur prelegvojaĝas, muzikas kaj movadumas, sed ankaŭ verkadas. Ĉu vi ankoraŭ ne malkovris liajn interesajn raportojn pri Japanio kaj pri la nuntempa vivo? Dank' al Esperanto li fariĝis ĵurnalisto, kiu sendas informojn pri Japanio, kaj precipe tiun ĉi jaron pri la japana katastrofo, pri kiu li estas raportinta preskaŭ ĉiutage. Liaj kronikoj pri la katastrofo eble baldaŭ aperos en formo de libro.

***Vendredo 10h30-11h00***

### Gerrit Berveling



Gerrit Berveling verkas originalan poezion, eble foje iom tro originalan por kelkaj: "Tri 'stas tro" aŭ "Odoj"… Li ĉefe tamen tradukas. Krom Zamenhof li tradukis plej multe en Esperanton el la Biblio; entute li tradukis plej multe en Esperanton el la latina: ekzemple por *Antologio latina* 1 + 2 + 3 + 4… la serio estos daŭrigata.

***Vendredo 11h00-11h30***

### Anna Löwenstein



Verki romanon estas kiel kuri maratonon. Oni komencas esperplene, post du trionoj de la vojo oni timas ke oni neniam atingos la finon, kaj la plej plezura momento venas kiam finfine oni haltas. Ŝvitante kaj ĝemante mi verkis du romanojn, *La ŝtona urbo* kaj *Morto de artisto*, kaj (malpli ŝvite) plurajn artikolojn, tradukojn ktp. Mi mencias precipe miajn du libretojn pri landonomoj: *Konciza klarigo pri la landonomoj en Esperanto* kaj (kiel redaktoro) *Rusoj loĝas en Rusujo*.

***Vendredo 11h30-12h00***

### Amri Wandel



Kiam Amri ne sciencumas pri nigraj truoj aŭ pri la Internacia Kongresa Universitato, li tradukas jen israelajn kantojn kaj jen infanlibrojn. Lastatempe li redaktis sian kvaran muzikaĵon: la duoblan kompaktdiskon *Kanti gefratoj kune* (ELI 2011), redaktis la IKU-libron (UEA 2011), kaj nun verkas sian duan libron pri Astronomio, *La Universa Lingvo* (baldaŭ eldonota de FEL). Ĉi-duonhore Amri dividos kun vi spicajn rakontojn pri tiuj siaj literaturaj kaj sciencaj entreprenoj.

***Vendredo 12h00-12h30***

### Stano Marček



Aŭtoro de la lernolibro *Esperanto per rekta metodo*, kiu estas eldonita en 28 (kaj tradukata al pliaj) lingvoj, kaj kiu estas akompanata de riĉa metodika materialo. Verkinto ankaŭ de *Aŭdo-vida konversacia kurso de Esperanto por progresintoj* (diapozitivoj, kasedo kaj tekstlibretoj), kiu estis reeldonita kiel DVD. Tradukis al la slovaka kaj eldonis la libron *La Zamenhof-strato* de Roman Dobrzyński, redaktis kaj eldonis la libron *Bona espero, idealo kaj realo* de la sama aŭtoro. Voĉlegas kaj eldonas KD-ajn sonlibrojn en Esperanto (*Fabeloj de Andersen kaj de la fratoj Grimm*, *La verda podio* kaj *Verdkata testamento* de Raymond Schwartz, k.a.), registris kaj eldonis la diskon *Kantoj por kursoj*. Verkis kaj eldonis la tri instru-amuzajn librojn *Krucenigmoj kaj humuro*, *Instrua amuzo*, kaj *107 krucenigmoj en Esperanto*.

***Vendredo 12h30-13h00***

## Novaj aliĝoj

1452 **S-ro Michele Gazzola,** Svislando
1453 **S-ro Péter Kollór,** Hungario
1454 **S-ino Bodil Nielsen Shah,** Danio
1455 **S-ino Caroline Burger,** Danio
1456 **S-ro Villads Henriksen,** Danio
1457 **S-ro Norbert Pulver,** Germanio

## Kaj la ceter'

### UK en TV

Jen ligoj al televidaj elsendoj pri la 96-a UK ĉe BBC (brita) kaj TV2 (dana): http://news.bbc.co.uk/today/hi/today/newsid_9548000/9548479.stm kaj http://www.tv2lorry.dk/video?video_id=55327. Ĉe la dana retejo verŝajne aperos ankoraŭ aliaj televidaj elsendoj pri la UK.



### Pianisto dezirata!

Internacia Esperanto-Koruso prezentos koncerton vendredon, sed la sono estos eĉ pli bona se kapabla esperantisto povos akompani nin. Bv. kontakti:

**Alan Bishop, KN 1087**



KONGRESA KURIERO DE LA 96-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

# VIKINGA VOĈO

Vendredo, 29 julio 2011 N-ro 5

## Programaj anoncoj

### Aŭkcio!

Nepre venu al la Aŭkcio vendredon je 16h30 en salono Lapenna. Vi trovos tie por via aĉeto rarajn librojn, amuzajn memoraĵojn – kaj diversajn aliajn objektojn, seriozajn kaj malseriozajn. Ĉe la serioza flanko, eĉ manskribita poŝtkarto de L.L. Zamenhof al la sveda pioniro Paul Nylén troviĝos inter ili. Ĉiuj gajnoj estos uzataj por la Volontula Fondaĵo de UEA por ebligi al junaj esperantistoj spertiĝi en la Centra Oficejo. La aĉetaĵojn oni povos pagi kontante fine de la aŭkcio aŭ peti debetigon al sia UEA-konto. Aŭkcios Humphrey Tonkin.

### Nova programero

Je 11h00 en salono Zamenhof prezentiĝos la nova filmo de SAT pri Esperanto.

### Brazila danco

Karaj geamikoj, ni invitas vin partopreni brazilan kamparanecan dancon (*quadrilha*). Provludo okazos en la centra halo (teretaĝo) je 17h00. La fina prezento okazos en Zamenhof ekde 18h00 ĝis proks. 18h30. Se eblas al vi, bonvolu portu kolorajn, maksimume kamparanecajn vestojn. Venu kaj ĝuu tiun ĉi amuzan folkloran brazilan dancon.

**Alvaro Motta, KN 1280**

### La Internacia Koruso atendas vin!

Per bunta programo kun belaj surprizoj ni regalos vin, vendredon je 14h00 en salono Zamenhof.

**Jennifer Bishop, KN 1078**

### Renkontiĝo TEJO-kongresanoj Wokingham 1961

Okazos renkontiĝo de kongresanoj de la 17-a IJK de TEJO en la enireja trinkejo de la hotelo Bella Sky je la 18-a horo vendredon, tuj post la Aŭkcio.

**Humphrey Tonkin, KN 7**

## Kongresaj raportoj

MALFRUE PRI LA KLARIGA LUNDO

### Staranto-plena ĉambro por Dua Vivo

Dum la prezento pri Dua Vivo en la Klariga Lundo, la kvar gvidantoj montris, kiel eblas partopreni en tiu ĉi virtuala mondo. Per retkonekto oni kunligiĝis kun ĝi, kie salutis la kongresanojn deko da homoj el Hungarujo, Katalunujo, Rusujo, Usono, Aŭstralio kaj aliloke, kiuj tiumomente sidis ĉe siaj komputiloj en la propraj landoj. Dorina Landar el Hungarujo gvidis la kongresanojn tra Esperanto-lando, kie troviĝas kursejo, biblioteko, babilejo, dancejo kaj domoj, kaj poste al moderna malsanulejo kreita en Dua Vivo de Imperial College, Londono. Poste la ĉeestantoj lernis kiel mem krei sian rolfiguron por moviĝi en tiu interesa mondo.

**Anna Löwenstein, KN 1026**

### Tradukado

La kunvengvidanto Brian Moon kunportis gazetaran komunikon de EU en 22 lingvoj. Post ioma klarigo pri ĝia deveno kaj tradukado en EU, la partoprenantoj dum duonhoro en laŭlingvaj grupetoj esperantigis tiun komunikon. Poste ni diskutis la diversajn tradukojn de la titolo kaj la unua frazo, kiuj draste variis pro la diverseco de la fontolingvoj. Fine Brian laŭtlegis sian tradukon bazitan sur diverslingvaj versioj. Estis interesaj komentoj pri unuopaj terminoj kaj ĝenerale pri tradukprincipoj.

**Marcos Cramer, KN 341**

### Ludo de la Nuda Vero

"Ĉu vi estus fariĝinta alia homo se vi naskiĝus en tute alia regiono?" Jen unu el la multaj demandoj pri kio ĉirkaŭ 65 personoj interparolis dum la prezentado de "La Ludo de la Nuda Vero", nederlanda ludo tradukita en Esperanton. Dum la kunveno Ana kaj Marulino klarigis kiel esperantistoj povas uzi la ludon por ekzerci la internacian lingvon kaj samtempe interkonatiĝi kun aliaj kongresanoj. Kelkaj agrable surpriziĝis ke la ludo tiel bone harmonias kun la kongresa temo de la nuna UK: "Dialogo kaj interkompreno". Oni partoprenis en kvin-personaj grupoj. "Ege plaĉis al mi la intima konfida etoso en la grupo. Estis vere amika rondo!" rimarkis Rob Moerbeek, unu el la partoprenantoj. Konklude diversaj partoprenantoj esprimis siajn spertojn kaj iris al sekva evento, iom pli konsciante pri siaj kunkongresanoj.

**Marlijne Hemelaar, KN 300**

## Verda verkado

Koncize verki signifas klare verki, almenaŭ en ĵurnalisma kunteksto, diris Paul Gubbins dum verkado-sesio kadre de la Klariga Lundo. Li laborigis sesianojn, kiuj devis pripensi, kio estas bona, leginda artikolo, kiamaniere ordigi ĝin, kaj kiuj estos la legantoj – ĉu nacia, regiona aŭ Esperanta publiko. Laŭ li "Estis multe da talento en la ĉambro kaj mi volas nun legi la diversajn kongres-raportojn de la klerigitaj lunduloj."

**Paul Gubbins, KN 872**

## Unuiĝintaj Nacioj

Sepdeko da entuziasmaj kongresanoj pakis sin en la malgrandan salonon Kehlet lundon matene por partopreni seminarion pri Unuiĝintaj Nacioj, kiun prezentis Stefano Keller kaj Humphrey Tonkin kiel parton de la Kleriga Lundo. Tonkin, kiu reprezentas UEA ĉe UN en Novjorko, donis rapidan trarigardon de la strukturo de UN kaj ties specialigitaj organoj diversaj, emfazante kaj la komplikecon kaj la amplekson de la laboro de UN, kiun oni tro ofte perceptas kiel nuran politikan babilejon, sed kiu efektive faras grandegan homhelpan laboron ofte en plej malfacilaj cirkonstancoj. Keller, kiu reprezentas UEA ĉe UN en Ĝenevo, prezentis la laboron de UN en la sfero de homaj rajtoj, emfazante unuflanke la relativan mankon de atento al lingvaj aspektoj de homaj rajtoj, kaj aliflanke la gravan neceson, ke UEA atentigu UN pri tiu manko. Ambaŭ parolantoj emfazis, ke se ni esperantistoj ne bone konas UN kaj ne faras nian eblon disvastigi ĝian mesaĝon, ni ne povas atendi ke UN priatentos nin. La oficialaj rilatoj, kiujn UEA ĝuas kun UN kaj Unesko estu reciprokaj. La parolado en la Malfermo de Pernille Fenger, reprezentantino de UN en Danio, montris la eblecojn kaj la urĝecon de tia kunlaboro.

**Humphrey Tonkin, KN 7**

* * *



## Asemblea kunveno de EEU

La regula kunsido de la Asembleo de Eŭropa Esperanto-Unio akceptis la laborraporton, la financan raporton de Flory Witdoeckt, kaj revizian raporton de Helen Fantom kun ĉiuj voĉoj. Partoprenis reprezentantoj de 15 landaj asocioj de EU. La asembleo ankaŭ elektis novan estraron de EEU por la sekva trijara periodo: prezidanto, Sean Ó Riain; vicprezidanto kaj kasistino, Flory Witdoeckt; sekretario: Zlatko Tišljar; membroj: Peter Baláž kaj Nikola Rašić. La asembleo ankaŭ decidis proklami la jaron 2012 la Jaro de Tibor Sekelj, se tion ne faros la Komitato de UEA.

**Zlatko Tišljar, KN 556**

## Budhanoj

Budhana Ligo Esperantista kunvenis ĵaŭdon en salono Zacho, kun 15 ĉeestantoj. Parolis Gunnar Gällmo pri la rolo de Kopenhago en la studado de la plej baza budhisma fontolingvo, la palia, pro la laboro de la danaj lingvistoj Rasmus Rask kaj Viggo Fausbøll en la 19-a jarcento. Parolis ankaŭ Razen Manandhar pri budhismo en Nepalo. Oni diskutis eventuale estontan budhisman seminarion esperantlingvan en Lumibini, Nepalo, kie naskiĝis la Budho.

**Gunnar Gällmo, KN 178**

## Komercistoj kunvenis

En mardo la membroj de Internacia Komerca kaj Ekonomia Fakgrupo (IKEF) havis neformalan kunvenon. Roland Rotsaert transdonis salutojn de IKEF-membroj Braun kaj Wang, kiuj ne povis ĉeesti, kaj prezentis la agadon de IKEF en la pasinta jaro. Poste Kamelia Gao (KN 862) prezentis ĉinajn brodaĵojn, Alfred Schubert (KN 864) anoncis sian projekton "Klubo Elito" (prezentota en vendredo, 17h15 en salono Zacho), kaj Brunetto Casini (KN 1415) prezentis la projekton "Kosmo" (www.kosmo.eu.com). Fine estis interŝanĝo de komercaj spertoj.

**Roland Rotsaert, KN 218**

## Ankaŭ komunistoj

Ĵaŭdon, en salono Zacho, ĉe la kunveno de Internacia Komunista Esperantista Kolektivo (IKEK), kolektiĝis aŭskultantaj ĉ. 25 scivolemoj. *[Prezidanto Dasgupta persone rekomendis lason de tiu ĉi originala esprimo. –Red.]* La preleganto ne sukcesis montri la ĝustan vojon al revolucio. Kelkaj kolere forlasis la salonon.

**Dieter Rooke, KN 132**

## Asocio de Verduloj Esperantistaj

Post enkonduko pri la du celoj de AVE (informi la verdajn partiojn pri Esperanto kun tradukado de gravaj dokumentoj, kaj informi la esperantistaron pri la politiko de la verdaj partioj), sekvis vigla diskuto, ĉu tiaj partioj necesas. La respondo de pluraj ĉeestantoj estis jesa. Necesas politiko de sociala kaj ekologia daŭripoveco, kiun la malnovaj partioj estas maltrafintaj. Krome AVE informis pri la projektoj *Mazingira* (www.kono.be/mazingira) de Mramba Simba, esperantisto en Tanzanio, kiu kiel vilaĝestro konfrontiĝas kun pluraj defioj.

**Manfred Westermayer, KN 867**

## Kongresa Temo

Glata kaj idee stimula etoso de intergeneracia dialogo ekestiĝis dum la diskutkunsidoj pri la kongresa temo (Internacia Jaro de la Junularo: dialogo kaj interkompreno). Danke al la lertoj de la faciligantoj (Di Ponti, Manuela Ronco, Paweł Fischer-Kotowski, Francesco Maurelli, Marcos Cramer), la diversaĝaj ĉeestantoj povis priparoli siajn impresojn, ekz. pri tuj rimarkeblaj malsimiloj, ekz. laŭ la manieroj esperantumi: komparu la tradician lokan klubon kun la Esperanto-retumado ĉe junuloj. Tio siaflanke malfaciligas la kontakton kaj interagon laŭ la aĝo kaj generacia apartenkulturo de la homoj. Oni tamen emfazis ke la t.n. intergeneraciaj konfliktoj ofte ne estas vere tiaj sed interpersonaj. Gravas malferme kaj dialogeme alfronti la antaŭjuĝojn kiuj ekestiĝas inter junaj kaj nejunaj homoj.

Duakunside, la publiko lernis pri la spertoj de antaŭaj ondoj de la Esperanto-junularo, ĉar ĉiuj iam estis junaj. H. Tonkin prezentis siajn interesajn pripensojn koncerne la tiaman Tyresö-generacion de TEJO, kiu fine de la 1960-aj jaroj aktive engaĝis sin por la tiama idealisma mobilizo de la junularo. La nuna Tonkin tamen emfazis ke neniu avangardo daŭras por ĉiam, do ke la nunaj maljunuloj ne komprenas ke ili fakte devus aliĝi al la junularo, el kiu venas interesaj aferoj en la movado kaj kiu cetere povus vivi sian vivon sen ajna interveno de pli aĝaj homoj. Vladimir Samodaj rakontis pri la gravega rolo kiun la reekestiĝanta Esperanto-junularo ludis ekde 1957 por revigligi la tutan movadon en post-Stalina Sovetunio, kreeme, aŭdace, kunlaboreme, preter la malfacilaĵoj pro senlibera socipolitika sistemo kaj ŝtate altrudita ideologio. Oni spektis filmon speciale faritan en Burundo de Mirejo Grosjean, pri la sentoj kaj opinioj de membroj de la juneca Afrika esperantistaro, pri la ĉefaj problemoj de la junularo en tiu socia realo.

Mark Fettes, anoncinte ke li ne timas la ekziston de breĉo inter la generacioj, faris kelkajn rimarkojn pri la graveco de la junularo por la estonteco de Esperanto, i.a. danke al ĝiaj serĉo kaj malfermo de novaj vojoj por ĉiuj. Nico Huurman, ĵus elektita estrarano de TEJO pri aktivula trejnado, agnoskante la malplian emon de la nuna junularo en Okcidento engaĝi sin politike aŭ socie kompare al antaŭaj generacioj, tamen substrekis ke la novaj teknologioj provizis kernan antaŭkondiĉon al procezoj kiel la araba printempo, en kiu ĉefe rolis la junularo. Laŭ li, indas esplori manierojn por permesi la kunlaboradon inter la diversaj sekcioj de la E-junularo, kiel la afrika kaj la eŭropa. Ĉu eventuale iu foja Internacia Junulara Karavano anstataŭ la IJK?

Oni finfine klopodis trovi konkretajn proponojn por kunlabore ligi inter si la esperantistojn de diversaj aĝogrupoj.

**José Antonio Vergara, KN 657**

## Esperantaj juristoj aktivas

Dudek sep membroj de Esperanta Jura Asocio (EJA), dum la jarkunveno okazinta en mardo, prenis la jenajn decidojn:

– dankí la Andaluzian Esperanto-Unuiĝon, kies prezidanto ĉeestis la kunsidon, pro la helpo kaj subteno al la eldonado de nia revuo *Jura Tribuno Internacia*;




## Saluto de la Esperanto-urbestro



Altestimataj kongresaj moŝtoj, sinjoro prezidanto, karaj gekongresanoj,

Herzberg, la Esperanto-urbo, kies urbestro mi havas la honoron esti, spirite partoprenas en la 96-a Universala Kongreso de Esperanto en la bela Kopenhago kaj deziras, ke la Kongreso signu plian energian svingon por la progresigo de la internacia lingvo en la mondo.

Herzberg situas en la koro de Germanio kaj de Eŭropo, kaj ĝia nomo signifas "Kor-monto". Pro tio, ĝia natura loko estas en la koro de ĉiuj amikoj de Esperanto, ĉie sur la terglobo. Reciproke, mi certigas vin, Esperanto ĉiam nestas en la koro de Herzberg, ne nur kiel abstrakta idealo, sed ĉefe kiel praktika ĉiutaga realaĵo.

Hodiaŭ Herzberg salutas vin, karaj gekongresanoj. En baldaŭa morgaŭo vi mem vizitu ĝin por propraokule kaj propra-ĝue konstati, kion la urbo konkrete faras por nia komuna lingvo.

**Walter Gerhard**
**Urbestro de Herzberg am Harz,**
**la Esperanto-urbo (Germanio)**

## Alvoko al urba partnereco

Interkultura Centro Herzberg (ICH), oficiala partnero de Herzberg am Harz – la Esperanto-urbo por Esperant-rilata agado, alvokas al partnereco unuavice kulturinstituciojn kaj urbojn, kiuj – same kiel Herzberg – havas Esperanto-centron, muzeon, bibliotekon, arkivon, kie instruado, edukado por kaj per Esperanto havas tradicion kaj nuntempon. Surbaze de la ĝemelurbaj kontaktoj kun Góra en Pollando ni formos tutmondan Partnerurban Nodo-Teksaĵon (PUNTO) por kunlaboro, spertinterŝanĝo kaj estonta evoluo.

Ni alvokas ankaŭ al subteno de la nova **Fondaĵo Esperanto-urbo** per kiu kreiĝos financa bazo por novaj projektoj.

Kune ni strebu realigi la deziron de la nepo de L. L. Zamenhof, d-ro Louis Zaleski-Zamenhof, kiu gratulis kaj bondeziris okaze de la 5-jara jubileo: "Herzberg am Harz – la Esperanto-urbo estu la ĝermo por la estonta Esperanto-mondo".

Kontaktu nin kaj ni parolu.

**Peter Zilvar, KN 663**
**Zsófia Kóródy, KN 664**

## Rezultoj de Belartaj Konkursoj 2011

POEZIO

Unua premio: Jorge Camacho Cordón (Hispanio) pro *Sezonoj*; Dua premio: Ulrich Becker (Usono) pro *Adiaŭa festo*; Tria premio: Jorge Camacho Cordón pro *Lokoj*; Honora mencio: Aleksandro Mitin (Rusio) pro *Vivhorloĝo*.

PROZO

Unua premio: ne aljuĝita; Dua premio: Sten Johansson (Svedio) pro *Brokante*; Tria premio: Sten Johansson pro *Nova amiko de Sinjoro Brunner*; Honora mencio: Ulrich Becker pro *Malapero de knabo*.

ESEO

Premio "Luigi Minnaja": Davide Astori (Italio) pro *La Zamenhofa revo inter lingvistika kaj religia planado*; Dua premio: Jan Werner (Slovakio) pro *Konfuzigaj faktoroj en lingva komunikado*; Tria premio: Filippo Franceschi (Italio) pro *Post legado de "La mava lingvo"*; Honora mencio: Adrienne Pásztor (Hungario) pro *Tutmondaj defioj de la klimatŝanĝiĝo*.

TEATRAĴO

Unua premio: ne aljuĝita; Dua premio: ne aljuĝita; Tria premio: Doron Modan (Israelo) pro *Justa juĝo*; Honora mencio: João José Mendes Quiterno dos Santos (Portugalio) pro *Aŭtodafeo*; Honora mencio: Georgo Handzlik (Pollando) pro *Kompleta (preskaŭ) historio de Universalaj Kongresoj de Esperanto*.

KANTO

Premio "An-okin pri Kanto": ne aljuĝita; Dua premio: Rogerio Borges kaj Eric Languillat (resp. muziko kaj teksto; Francio) pro *Tatua Papili'*; Tria premio: ne aljuĝita.

FILMO

Unua premio: Roman Dobrzyński (Pollando) pro *Japana pritempo – Oomoto 2009*; Dua premio: ne aljuĝita; Tria premio: ne aljuĝita.

INFANLIBRO DE LA JARO

*Avo Paŭlo*, verkita kaj eldonita de Margrit Vollertsen-Diewerge, trad. Pit Hauge (Germanio).

– instigi la membrojn de EJA pagi la kotizon por revigligi la asocion;

– kontakti vjetnamajn Esperantajn juristojn cele al agado en Vjetnamio dum la venontjara UK.

S-ro Faria de Bastos, el Portugalio, akceptis prelegi dum la venontjara kunsido de EJA pri praktikoj en la portugala kaj angola jursistemoj. S-ro Chapman, el Britio, proponis kunsidon de eŭropaj juristoj dum la venonta kongreso de EEU en Irlando.

**M.R. Urueña, prezidanto de EJA, KN 246**

## Ekzameno por blinduloj

Ne venis kandidatoj, ĉar homoj kiel Otto Prytz aŭ Natalia Kasymova estas elstaraj esperantistoj kaj ne bezonas atestilon. Okazis anstataŭe laborkunsido kun N. Kasymova, R. Moerbeek, A. Bertrand, Le Thi Thien Thu, A. Delmotte kaj M. Grosjean, kun tre fruktodona ideo- kaj sperto-interŝanĝoj.

**Mirejo Grosjean, KN 141**

## SAT en la UK

Estas pluraj SAT-anoj en la ĉi-jara Universala Kongreso. Ili estas aktive kuniĝintaj, foje spontane, foje por prepari sian partoprenon en la Movada Foiro, por saluti la kongreson dum la Solena Inaŭguro, kaj por prezenti SAT al la kongresanoj dimanĉon en evento akompanata de tre vigla debato. Danke al tio multiĝis la kontaktoj (ĉefe rilate al la tuj okazonta SAT-kongreso en Sarajevo, 30 julio–6 aŭgusto), venis aliĝoj, kaj plifirmiĝis la tradicie agrabla kunlabora rilato kun UEA.

**José Salguero, KN 742**

## Aŭtora Duonhoro

### Dima Ŝevĉenko kaj Anna Striganova




Dmitrij Ŝevĉenko kaj Anna Striganova estas junaj verkistoj de originalaj filozofiaj fabeloj en Esperanto, kiuj celas ĉefe la malinfanojn. Siajn fabelajn mondojn ili ilustras per la diversstilaj propraj bildoj kaj manfaritaj pupetoj.

***Vendredo 16h00-16h30***

## Programaj ŝanĝoj/korektoj

La komisiono de la KER-ekzamenoj kun ĝojego raportas ke ni ekhavis la 500-an aliĝon. La lasta ekzamentago estos vendredo. La horoj de la aŭdkomprena kaj skriba partoj ne ŝanĝiĝis, sed atentu la ŝanĝon de la salonoj. Bv. alveni dek minutojn antaŭ la komenca horo.

| | | |
|---|---|---|
| B1-nivelo | 11h00-11h50 | Laboratoria parto (Zacho) |
| | 12h15-14h15 | Skriba parto (Lapenna) |
| B2-nivelo | 12h00-12h50 | Laboratoria parto (Zacho) |
| | 13h15-16h15 | Skriba parto (Lapenna) |
| C1-nivelo | 11h00-11h50 | Laboratoria parto (Lapenna) |
| | 12h15-16h15 | Skriba parto (Lapenna) |

Bonan ekzameniĝon deziras al ĉiuj

**Katalin Kovats, KN 942**

## Kaj la ceter'



### Diskonigu vaste

la mesaĝon de la ĝenerala direktoro de Unesko, senditan al la inaŭguro de la 96-a Universala Kongreso de Esperanto: www.lingvaj-rajtoj.org/unesco

**Stefano Keller, KN 62**



KONGRESA KURIERO DE LA 96-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

# VIKINGA VOĈO

Sabato, 30 julio 2011 N-ro 6

## REZOLUCIO DE LA 96-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

Ni, la partoprenantoj en la 96-a Universala Kongreso de Esperanto, venintaj al Kopenhago el 66 landoj por komune dialogi pri la iniciato kiun UN lanĉis per la proklamo de Internacia Jaro de la Junularo,

*efektiviginte* multvidpunktan diskutadon pri tiu temo, en etoso de interkomprenemo kaj efika komunikado,

*ĉerpinte* el niaj unuopaj kaj kolektivaj spertoj kiel anoj de diversaj socioj, aĝogrupoj, etnoj, seksoj, mondbildoj, politikaj sintenoj kaj religiaj konvinkoj,

*agnoskinte* la kontribuojn de la junularo al la socio kaj la neceson malfermi ŝancojn por ĝia partopreno en la kolektivaj decidoprocezoj, por taŭge alfronti la diversajn defiojn kaj ŝancojn de la nuna realo – sociekonomiajn, ekologiajn, politikajn, teknologiajn ktp – cele al la estonteco de la homaro kaj la planedo,

*konstatinte* ke tra la epokoj kaj kulturoj, la diversaj generacioj rilatis inter si laŭ variaj modeloj kaj strategioj, kun foja estiĝo de aparta junulara kulturo, kaj ke en la Esperanto-movado mem tio esprimiĝis ekz. per la efike avangarda rolo plenumita de ties junulara branĉo en apartaj historiaj turnopunktoj,

*rekomendas*

ke la unuopaj organizaj instancoj kaj sociaj medioj de la Esperantaj movado kaj komunumo aktive strebu al la kreado de taŭgaj kondiĉoj por kontakto, alproksimiĝo kaj kunlaborado inter junuloj kaj aliaĝuloj,

ke la anoj de la malsimilaj aĝogrupoj en Esperantujo iĝu pli konsciaj pri la potencialo kiun por intergeneracie kontentigaj rilatoj liveras la esperantisma ideo mem de reciproka respekto kaj ambaŭdirekta bona volo,

*alvokas*

al UEA, TEJO kaj iliaj respektivaj landaj organizoj pliproksimigi tempe kaj geografie siajn kongresojn, same internaciajn kiel landajn kaj regionajn, per kunordigita decidado,

al konkretaj paŝoj ĉiunivele por kunagigi esperantistojn rete kaj eksterrete agantajn, same por enmovadigi perretajn lernintojn de la lingvo, kiel por helpi la tradician movadon adaptiĝi al la nuna epoko.

## Programaj anoncoj

### Monkolekto por "Libroj por Vjetnamio" post la Solena Fermo

Pasintjare UEA faris la kampanjon "Libroj por Kubo". Per la kolektita mono ĉiuj kubaj kongresanoj ricevis kuponon per kiu ili povis aĉeti librojn, KD-ojn ktp en la libroservo. Por la kongreso en Hanojo UEA denove kampanjas tiel. Tial post la fermo UEA kolektos monon ĉe la elirejo de salono Zamenhof.

**Loes Demmendaal, KN 67**

## Kongresaj raportoj

### Vidhandikapitoj kaj helpantoj

En la LIBE-kunsido (Noll, 25 julio, 17-18h.) ĉeestis 25 personoj: vidhandikapitoj, akompanantoj, instruantoj kaj voĉlegantoj. Gvidis la kunvenon Rob Moerbeek, kiu komence voĉlegis raporton de la LIBE-sekretario Dragan Stoković pri la ĵusa 77-a IKBE (Internacia Kongreso de Blindaj Esperantistoj) en Olomouc, Ĉeĥio. El Olomouc alvenis la brajligita *Esperanto per rekta metodo* de Stano Marček, kiun ricevos ankaŭ la kvar blinduloj en Mwanza, Tanzanio. Ĝuste ilin vizitis Jacques Tuinder kun teamo de optikistoj por helpi al centoj da vidhandikapuloj. Reveninte en Nederlandon li sentis nekutiman lacon kaj forpasis la 18-an de junio ĉi-jare. La prezidon de "Evidente" li jam estis transdoninta al neesperantista optikisto. Nosobe, la nederlanda sekcio de LIBE, promesis helpon pri Esperanto kaj brajlo. La kaseda servo de Nosobe atingis grandan kvalit-bonigon dank' al la okupiĝo de Pasquale Zapelli. Ĝojiga estas la kresko de la abonantaro de "Kontakto" (de 7 al 17). Ĉeestis vjetnamino Le Thi Thien Thu, kiu aparte prizorgos la partoprenadon de blinduloj en la Hanoja UK venontjare. Li ankaŭ printis brajlajn disdonaĵojn por sia prelego en la Esperantologia Konferenco. Ĉeestantoj de la publika prezento de la Akademio de Esperanto povos transdoni skribajn demandojn en brajlo. Prytz substrekis ke tiel eblas (foje) redukti (nekonscian) diskriminacion. Fine li laŭdis la novan Honoran Membron de UEA, kiu ne nur gvidis la kunvenon sed ankaŭ sen-parade laboras.

**Rob Moerbeek, KN 72**

### Amikaro Bruno Gröning

En la ĵaŭda prelego "Saniĝo per spiritaj fortoj laŭ la instruo de Bruno Gröning – medicine pruvebla", d-ino med. E. Büker prezentis du saniĝojn: la saniĝon de malbona aŭdkapablo de virino pli ol 30-jara bone dokumentis diversaj aŭdolinioj kaj la saniĝon de ostoporozo de virino pli ol 70-jara re rezultoj de mezuradoj de la ostodenseco. Krome la kongresano Detlef Meier raportis, kiel li povis eviti pensiuliĝon pro psikosomatikaj perturboj kiam li estis 31-jaraĝa. Je la fino kelkaj el la aŭskultantoj rakontis, kion ili mem sentis en sia korpo dum la prelego. La prezento estis repetita en vendredo.

**Detlef Meier, KN 461**

### Ateistoj: nekontraŭo sed kun limoj

"Ĉu ateistoj estas kontraŭ religio?" Jen granda temo por trakti ene de 45 minutoj, precipe kiam la unuaj dek minutoj devis esti dediĉitaj al administraj informoj: apero de novaj libroj pri ateismo en Esperanto, kaj ĉeesto de reprezentanto de ATEO ĉe la fondkunveno de Internacia Asocio de la Libera Penso. Galopinte tra la administraj informoj, oni finfine atingis la ĉefan temon de la kunveno per mallongaj prezentaĵoj de 5-6 membroj de la asocio. Rilate al religio, ateistoj kompreneble povas havi malsamajn sintenojn: la koncepto "ateismo" en si mem ne kunportas difinitan aliron al la temo. Ĝenerale la pluraj parolantoj estis en konsento, ke ili mem ne kontraŭas la religiajn kredojn de aliaj, sed ne povas aprobi la trudon de religiaj postuloj al la ceteraj membroj de la publiko.

**Anna Löwenstein, KN 1026**

## Lasta aliĝo

1458 **S-ino Cristina Focken,** Germanio

## Kaj la ceter'

### Perdita diktafono – de UEA!

Tiu, kiu trovis diktafonon (malgrandan blankan registrilon) Philips en la kongresejo, verŝajne en salono Neergard, bonvolu redoni ĝin ĉe la informejo. Ĝi enhavas gravajn prelegojn surbendigitajn, necesajn por kunmeti la filmojn de UEA. La aparato mem apartenas al la filmoekipaĵo de UEA. Dankon.

### Ĉu vi kontentas fluge?

La oficiala flugkompania alianco de la 96-a UK, Star Alliance, volas scii kiel kontenta vi estas pri la specialaj tarifoj ofertataj al la partoprenantoj de UK-oj. Por pli taŭge ricevi viajn respondojn, Star Alliance pretigis demandaron en Esperanto! Jen okazo por montri al tutmonda firmao la efikon kaj utilecon de Esperanto. Ju pli da respondoj ili ricevos, des pli tio konvinkos ilin pri la utileco de Esperanto kaj la avantaĝoj apogi niajn kongresojn. Bv. iri al la enketilo ĉe www.staralliance-conventionsplus.com/index.php?id=945#2593 kaj respondi la demandojn. Se vi utiligas la rabaton, ĉe demando 15 respondu "alia" kaj skribu en la suba spaco "mi utiligas la rabaton".

### Dankojn!

La redaktoro de *Vikinga Voĉo* (Roy McCoy, KN 1397) kore dankas al ĉiuj Kuriero-helpintoj, kaj aparte al Helen Claesson pro la unuapaĝa desegnaĵo, Francisco Veuthey pro la akompana dezajno, kaj Jens Larsen pro provlegado.



### Kion fari?



Nur amo povas venki malicon kaj malamon. Amu!!

**Ingebjørg Rambjør, KN 139**